Lasta numero de la jarkolekto.

1a jaro. 11—12a numero.




# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo

Oficiala organo de la BELGA LIGO ESPERANTISTA

REDAKTATA DE

Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS, VAN DER BIEST-ANDELHOF, Jer. VAN LAERE, kaj Oscar VAN SCHOOR

**kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.**

SEPTEMBRO — OKTOBRO 1909

*ENHAVO :*



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16*

ANTVERPENO

(Antwerpen — Anvers)

Eldonanto : Fr. SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la Pte Ourse).

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00

Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . . Fr, 10.00

Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . . . . . . . . Fr. 25.00

## Honora Komitato:

S-roj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.

D-ro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.

DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.

D-ro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.

Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.

Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.

Senatano LAFONTAINE, Bruselo.

Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo Bruselo.

MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.

O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato Lieĝo.

ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

1a JARO. SEPTEMBRO-OKTOBRO 1909. 11a-12a NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO,

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

Belglando . . . Fr. 4.— (Sm. 1.60)
Eksterlando . . Fr. 5.— (Sm. 2.—)
Unu numero . . Fr. 0.40 (Sm. 0.16)

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Al nia legantaro

La nuna numero estas la lasta el nia unua jarkolekto. Ni esperas ke niaj gelegantoj ŝatis kaj aprobis nian modestan laboron, kaj ke ili restos fidelaj al ni.

Ni daŭrigos interesi ilin per la bona elekto de la enhavo de la jurnalo : artikoloj pri nia kara lingvo, enkaj eksterlanda kroniko, ĉiuspecaj sciindaj informoj, humoraĵoj kaj spiritludoj, literatura fako, komunikajoj de la Belga Ligo Esperantista kies organo oficiala ĝi estas, kc.

Nia programo, nia kondutlinio, restas senŝanĝa. Ni daŭrigos propagandi la Zamenhofan lingvon, ne atentante al tiuj, kiuj, pretekstante ĝin plibonigi, nur celas ĝin detrui.

La solvo de la problemo de la internacia lingvo nur estas trovebla sur tiu vojo. Esperanto ekzistas, Esperanto vivas, Esperanto ĉiutage kaj ĉiuloke fakte provas sian vivforton, sian taŭgecon. Allaj provoj de lingvo internacia restis kaj restos nur projektoj ; Esperanto, kaj nur Esperanto, eniris la realecon.

Al ĝi ni volas dediĉi nian senlacan fervoron, nian tutan sindonon, nian tempon kaj niajn plej bonajn fortojn.

* * *

Dankante niajn estimatajn gelegantojn pro la konfido, per kiu ili bonvolis nin honori, ni faras novan varman alvokon al ili por ke ili daŭrige apogu nin kaj ne forlasu nin en la batalado.

Ili ne nur renovigu sian abonon, sed varbu novajn abon-

antojn. Speciale ni kalkulas sur la grupoj, plenfide esperante ke iliaj membroj, are, abonu nian ĵurnalon. La *Antverpena Grupo Esperantista, La Verda Stelo, la Suda Lumo, Suno* (hebrea grupo esperantista) el Antverpeno, — *La Berchema Grupo, la Verda Lumo* (Berchem), — *Laboro* (Borgerhout), — *Esperantista Grupo* de Huy, — *la Verda Flago* (Mariaburg) kaj *La Planta Grupo* (La Plante, Namur) estas fiksintaj sian kotizaĵon tiamaniere, ke ĝi enhavas samtempe la abonkoston por *Belga Esperantisto*.

Kial ĉiuj esperantistaj grupoj belgaj ne sekvus tiun ekzemplon? Ĉu tio, kion faris la diritaj societoj ne estus ebla ĉe la aliaj? Ĉiu, kiu fariĝas Esperantisto, devas per la fakto mem, partopreni en la esperantista movado, sin interesi pri la propagando, kaj ĝin materie subteni.

Nu, nenia apogo estas pli necesa, pli efika ol tiu, farata al la nacia organo. B. E.

# Belga Ligo Esperantista

La proksima komitato kunveno okazos je *Dimanĉo, la 21a de Novembro*, en speciala salono de la « Café des trois Suisses », 10, rue des Princes et 21, Rue Fossé-aux-Loups, apud la Reĝa Teatro kaj la Centra Poŝtoficejo.

La komitatanoj kiuj deziras diskutigi temojn aŭ fari proponojn bonvolu konigi ilin al la subskribinto; la tagordo estos definitive fiksata plej laste la 8an de Novembro.

— La delegitoj de la grupoj estas petataj konigi dum la kunveno la nombron de la anoj de sia societo, por ke oni povu defini ĝian kotizaĵon por la jaro 1909-1910, laŭ Art. 6 de la regularo.

La Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista,
VAN DER BIEST-ANDELHOF.

# La 5a Esperantista Kongreso

**(Barcelono, 5-11 de Septembro 1909)**

La 5a esperantista kongreso anonciĝis tre brile. Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIIIa bonvolis akcepti la honoran prezidantecon de ĝi, kaj la organizintoj sukcesis varbi kiel altajn protektantojn Lian Princan Moŝton Karolo de Borbono, la Prezidanton de la Ministraro, ĉiujn ministrojn, plie kiel honorajn membrojn la Prezidanton de la provinca deputataro de Barcelono, la Ĝeneralestron de Katalunujo, la Provincestron, la Urbestron, la Rektoron de la Universitato, kune kun la

tuta eminentularo de la Urbo kaj la redaktoraro de la ĉefaj Barcelonaj ĵurnaloj.

Aliflanke diversaj cirkonstancoj malfavore influis sur ĝin; la sidejo de la kongreso estis tro ekstercentra; la dato estis iom malbone elektita ĉar por diversaj samideanoj la libertempaj tagoj jam estis pasintaj, kaj ĉefe la okazintaĵoj de la monato Julio timigis multajn.

Spite tiuj malhelpaĵoj, la kongreso atingis tre honoran sukceson kaj kunigis pli ol 1300 aliĝojn. Ĝin ĉeestis 14 Belgoj: S-roj Van der Biest Andelhof, Van Schoor, Cuvelier, De Keukelaere (Antverpeno); — S-ro Abato Richardson, F-ino Moreau kaj S-ro Blanjean (Bruselo); — F-ino Marie Posenaer, S-ro Roe (Borgerhout);—F-ino Marie De Wolf, S-ro Karel de Wolf (Bruĝo); — S-ro Abato De Wolf (Ostendo); — S-ino Brutsaert (Watou) kaj S-ro Blaise (Loveno).

Mi estis en Barcelono de Vendredo vespere le 3a. Multaj kongresanoj jam estis alvenintaj, sed la granda afluo okazis la morgaŭan tagon. Kun ĝojo mi renkontis multe da malnovaj konatuloj, kaj plezure mi konatiĝis kun novaj amikoj.

La hotelo «Gran Hotel de Paris», proksime de la «Rambla de los Floros», gastigis dudekon da diverslandaj esperantistoj. Mi ĉiam agrable rememoros pri la agrabla semajno kiun en ilia aminda societo mi travivis.

* * *

Jam *Sabaton, la 4an de Septembro*, D-ro Zamenhof estis oficiale akceptita en la Barcelona urbhotelo, kune kun la komitato de la kongreso, la konstanta komitato kaj la akademianoj. La sekvantaro okupis kvar veturilojn, antaŭeniritajn de rajdantaj urbaj gardoj. Lia Urbestra Moŝto bonvene salutis nian karan Majstron, kiu afable respondis, dankante pro la bona akcepto.

Simile ovi vizitis la Ĝeneralestron de Katalunujo kaj la Provincestron.

Laŭ la « provizora » programo (definitivan mi ne vidis) la solena akcepto de D-ro Zamenhof estis anonicita kiel okazonta en la Stacidomo, *Dimanĉon*, je la 10a matene. Tiun punkton de la « provizora » programo la Komitato forstrekis, sed ĝi invitis la kongresanojn aliri la Palacon de Belartoj, kie oni akceptus nian karan Majstron. La esperantistoj amase plenigis la grandan, belege ornamitan halon, kaj trovis tie geknabojn, revenintajn de la lernejaj kolonioj, kun iliaj gepatroj kaj parencoj. Fine, D-ro Zamenhof alvenis kvazaŭ ne ekvidita en salono de la unua etaĝo, kie li estis salutata de S-ro Pujula. Akcepto tre, tre simpla. Poste la Majstro kaj la esperantista stabo eniris la halon, kie oni interŝanĝis kelkajn pliajn salutojn.

Verdire, oni atendis akcepton pli indan, pli solenan, ol tiu ĉi; ĝi estis deziluziiĝo por la tuta ĉeestantaro.

Sed ĉies bona humoro tuj revenis, ekvidante la festan aspekton de la bela urbo, kie ĉe la gazetvendejoj kaj multaj hoteloj agitiĝis la esperantista flago, premante la manon de multaj amikoj kaj ĝuante la ravan ĉarmon de la belega urbo Barcelono, la ĝojan movadon sur la rambloj kaj la bulvardoj.

Mi ne preterlasu citi, ke dum la mateno okazis diservo por la Katolikoj en la preĝejo de la Bonfaranta Domo, kie predikis mia amiko Abato Richardson kaj benis la ĉeestantaron je la nomo de Lia Papa Moŝto — kaj evangelia diservo kun prediko de Pastro Rust.

Posttagmeze la esperantistoj estis invitataj por ĉeesti la piedpilkan ludon, prezidatan de D-ro Zamenhof. Vespere ili kunvenis en la Teatro Romea. Tie okazis tre bela koncerto, ĉeestita de brila, multnombra publiko. D-ro Zamenhof kaj lia inda edzino, kiu sidis en antaŭsceneja loĝio, estis entuziaste ovaciitaj.

* * *

Sed la reala kongresa semajno nur komencis *Lundon, la 6an de Septembro.*

Je la 10a matene okazis en la belege ornamita festhalo de la Palaco de Belartoj la malferma kunsido. Sur la podio paradis la esperantista standardo kun la enbroditaj nomoj de la ĝisnunaj kongresaj urboj : Bulonjo, Ĝenevo, Kembriĝo, Dresdeno, Barcelono. En la mezo, la fidele similanta busto de nia kara Majstro.

D-ro Zamenhof okupas la honoran seĝezon. Sur la estrado, ambaŭflanke de li sidas S-ro Layret, urbestro, S-roj Pujula y Vallès, prezidanto de la kongreso ; S-ro Boirac, prezidanto de la Akademio, Generalo Sebert, S-roj Karlo Bourlet kaj Mudie, membroj de la konstanta komitato, la vicprezidantoj kongresnaciaj S-roj Sabadell kaj Perigordo (Hispanjo), Prof. Cart (Francujo), R. de Saussure (Svisujo), Wackrill (Anglujo), Kandt (Germanujo), Harris (Usono) kaj Van der Biest-Andelhof (Belgujo), plie la diversnaciaj delegitoj, la oficialaj delegitoj de registraroj kaj tiuj de Valencia, Cartagena, Terrasso, Villa Nueva, San Sebastian kaj Praha.

S-ro Mybs, prezidanto de la Dresdena kongreso, malfermas la kunsidon, transdonante la prezidantecon al S-ro Pujula y Vallès.

D-ro Zamenhof, en mallonga parolado, dankas la Reĝon, la Ministraron, la provincan kaj urban Estraron pro la protekto donita al Esperanto.

Post parolado de S-ro Pujula, kiu sciigas ke Barcelono enhavas 3000 esperantistojn, S-ro Layret, urbestro, per kataluna lingvo, esprimas tutkoran bonvenon al la kongresanoj.

S-ro Gabriel Chavet, sekretario, anoncas, ke tri registaroj sendis por ĝin riprezenti delegitajn al la kongreso, nome Belgujo, Norvegujo kaj Usono.

Nia lando de!egis S-ojn Van der Biest-Andelhof kaj O. Van Schoor ; la unua alparolis la kunvenintaron jene :

Altestimataj Gesinjoroj,

Mi havas la honoron saluti la 5an esperantistan kongreson kiel oficiala delegito de Belgujo.

Jen evidenta pruvo ke Esperanto, kiu dum du jaroj trapasis grandan krizon, estas nune en plena vivforto en mia lando.

Ne nur estas konstatinda la agemeco de la belgaj grupoj, kies nombro senĉese pligrandiĝas, la florado de la nacia ligo, la sukceso de la unua belga kongreso kaj la prosperado de la revuo « Belga Esperantisto »,

Jen nuu la Belga Registaro, kiu montras siam intereson en nia movado, difinante la prezidanton de la Belga Ligo, kiel sian oficialan delegiton ĉe la nuna kongreso.

Lia Barona Moŝto, S-ro Descamps-David, Ministro de Sciencoj kaj Artoj, komisiis min verki detalan raporton pri la Barcelona kongreso. Mi esperas ke tiu kongreso estos grava kaj interesplena, — mi esperas ke ĝiaj agadoj kaj konkludoj favore influos sur la registaron de mia lando kaj igos ĝin protekti, apogi kaj sukcesigi nian karan lingvon.

S-ro Reed parolas kiel oficiala delegito de la Usona Registaro kaj poste sekvas longa aro da salutaj de ligaj delegitoj. S-ro Abato Richardson je l'nomo de la Belga Ligo Esperantista, S-oj Provićek (Bohemujo), Keating (Brazilujo), Mudie (Britujo), Edwards (Gibraltaro), Andrew Nils (Skotujo), Hinriksen (Danujo), Frenkel (Finlando), Abato Parker (Irlando), Decourt (Francujo), Perigordo, de Allende, Braga, Bremon y Masgrau (lingvoj kastiljana, baska, asturia kaj katalana), D-ro Arnhold (Germanujo), Vermaas (Nederlando), Marich (Hongarujo), Tellini (Italujo), Albinana (Argentina Respubliko), Grabowski (Polujo), D-ro Ovstrovski (Rusujo), Ciklari (Georgujo), D-ro Stamatiadis (Insulo Samos), Privat (Svisujo), Carrère (Koŝinŝinujo), Guéron (Azia Turkujo), Tiller (Svedujo), Fery (Kroatoj landoj), Schwartz (Bosnujo).

Laŭ propono de D ro Zamenhof oni salutas telegrafe Lian Reĝan Moŝton, Alfonso XIIIa, la Princon DonKarolo,la Hispanan Ministraron, L. R. M. La Reĝon de Saksujo kaj S-ro Riccardo Codorniu.

La sekretario, S-ro Chavet, legas multajn telegramojn alvenintajn el ĉiuj partoj de l' mondo kaj la kunsido finiĝis post tre impresiga komuniko de D-ro Zamenhof, kiu emociplene, anoncas la bedaŭrindan morton de F-ino Schröder, Dana esperantistino, kiu bedaŭrinde mortis en Svisujo, dum sia vojaĝo al la Barcelona kongreso. La ĉeestantaro, stare, dediĉis simpatian rememoron al Fraŭlino Schröder.

Posttagmeze okazis la dua agada kunsido, kiu ankaŭ kunigis multnombran ĉeestantaron. Parolis intersekve S-ro Abato Richardson pri propagando, Mann kaj Blaise pri Esperanto en la komercaj rilatoj, S-ro Mudie kaj Cart pri la utileco de la Ĉefeĉaj ŝlosiloj, S-ro Allende pri la propagando en naciaj ĵurnaloj.

* * *

*La Mardo, 7ª de Septembro* estis dediĉata al diversaj kunsidoj. Je la 9a kunvenis la Lingva Komitato, kie S-ro Cart legis tre rimarkindan raporton pri la enkonduko de novaj vortradikaj kaj S-ro de Saussure raportis pri la tehnika vortaro. Je le 10a okazis en la Paraninfo de la Universitato la ĝenerala kunveno de Universala Esperantista Asocio (U.E.A.) dum kiu la vicprezidanto S-ro H. Hodler en Genevo prezentis la jaran raporton. El tiu raporto aperas, ke U. E. A., kiu havas 8 fakojn (Administrado, Financoj, Esperanto-oficejoj, Konsuloj, Turismo, Komerco, Junuloj kaj Aerveturado) estas en plena prospereco kaj jam kalkulas 5.000 membrojn. D-ro Zamenhof elokvente gratulis U. E. A. por ĝia sukcesplena laboro.

Tre interesplena estis la solena kunveno de la Internacia Instituto de Esperanto, okazinta en la sama ĉambrego, je la 11 h. 30. S-ro Edmond Privat montris ke Esperanto estas vere vivanta lingvo, posedanta ĉiujn ecojn kiuj faras la vivon de la naciaj idiomoj. Jam pli ol 20 jarojn ĝi kreskas kaj prosperadas, dum la vivo de aliaj projektoj pri internaciaj lingvoj estas nur efemera.

Laŭtaj aklamoj salutis la paroladon de S-ro Privat, kiun siaflanke, D-ro Zamenhof varme gratulis.

Okazis la saman tagon kunvenoj de leĝistoj, kuracistoj kaj farmaciistoj. Al tiu lasta B. E. dediĉas specialan artikolon.

Oni ekskursis al Sitjes, rava urbeto apud la Mezamaro, kaj vespere, je la 9 1/2a, okazis belega koncerto en la Palaco de Belartoj, kie oni aplaŭdis la famkonatan *Schola Orpheonica,* kiu talentplene kantis ĥorojn kun esperanta kaj kataluna teksto. Solene resonis la himnon l'Espero, ludita de la fama kataluna organisto S ro Daniel. Granda kaj meritita estis la sukceso de la festo, kiu honoras la lertan kondukanton, Majstron Marcet.

* * *

Tre interesplenaj estis la okazintajaj de *Merkredo la 8a.*

Sur vasta, kvarangula herbejo de la Parko estis organizataj je la 10 1/2a matene, sub la gvidado de Generalo Priou kaj D-ro Vaucaire, grandaj manovroj de la Ruĝa kruco. La flegistoj kaj portilistoj estis la Barcelonaj ruĝkrucanoj, elegante vestitaj per ruĝe kaj blanke striitaj uniformoj, — la vunditaj estis diverslandaj kongresanoj, komprenantaj nek la hispanan, nek la katalunan lingvon. Esperanto estis la sola rimedo por interkomproniĝi. La eksperimento mirige sukcesis kaj montris unufoje plie, kiel Esperanto kaj Ruĝa Kruco estas du nedisigeblaj institucioj.

Oni konas la *Florajn Ludojn,* fonditaj dans la XIVa centjaro kaj kiuj travivis multajn glorajn jarojn en la suda parto de Francujo kaj en Katalunlando, kie ili, ĝisnune, ĉiujare brile estas festataj. Okaze de la kongreso oni havis la feliĉan ideon kunigi la literaturan kongreson organizatan de la « Revuo »

kun la kutimaj, ĉiujaraj Barcelonaj Floraj Ludoj, miksante tiamaniere la novon kun la malnovo.

La belega festo de la Floraj Ludoj okazis en la imponanta, riĉe ornamita halo de la Borso, honorgardita de kavaliroj kaj soldatoj de la nacia gvardo. Multnombra, elektita, brila estis la ĉeestantaro. Sur la podio prenis lokon nia kara Majstro, la Urbestraro kaj la Provincestraro, la Akademianoj kaj la juĝintoj.

Funde de l'estrado estis starigita orita trono, destinita por la Reĝino de la festo kiu, post malfermo de la koverto entenanta la nomon de la kroninto estas konigata : S-ino Marie Hankel, el Dresdeno, kiu verkis la belan poeziajon « la Simbolo de l'Amo».

Tondra aplaŭdado esplodas kiam S-no Marie Hankel, solene estis kondukata al la trono.

S-roj Karlo Bourlet kaj Grabowski faris tre elokventajn paroladojn, kaj oni aklamis la legadon de la kronita poeziajo de la Reĝino de la festo kaj tiun de S-ro Privat, al kiu oni aljuĝis la duan premion.

Fine siavice la premiitaj konkursintoj venis saluti la Reĝinon kaj ricevi sian premion el ŝiaj manoj.

Ili estis tre multnombraj. La laŭreato de la konkurso, difinita de nia redakcio (loka regiona legendo) estis S-ino Louis Rigoir, el Marseille. Inter la ceteraj estas ĉefe nominda nia kara amiko kaj kunlaboranto S-ro Oscar Van Schoor, kiu sukcesis trifoje, kaj kiun plej amike kaj entuziasme prifestis la esperantistaj gastoj el la Gran Hotel de Paris.

La saman tagon okazis en la Ateneŭ Barcelones la interesplena kunsido de la internacia laboristoj en kiu ĉefe partoprenis preslaboristoj. D-ro Zamenhof prezidis ĝin. Sur la estrado oni rimarkis ankaŭ S-ron Pujula kun multaj eminentuloj, inter ili la direktoroj kaj korespondantaj de dekduo da jurnaloj. Tre elokvente parolis S-ro Luis Llagostero, S-ro Tabello, D-ro Zamenhof mem kaj precipe S-ro Luis Carlos, kiu trafe montris la necesecon de Esperanto ĉe la profesiaj societoj. Li insistis sur la brilaj rezultatoj jam akiritaj de la *Internacia ligo de la esperantista preslaboristaro*. Post sesmonata funkciado aliĝis al ĝi 385 tipografistoj esperantistaj, 298 presejoj, 17 fandejoj aŭ fabrikantoj de kompostmaŝinoj kun esperantaj matricoj.

Unuvorte, tre sukcesinda kunsido, kiu sendube estos tre fruktedona.

Vespere okazis en la *Teatro del Bosque* presentado de la Wagner'a Opero *Lohengrin*, ĉeestita de Gesinjoroj Zamenhof. Kelkoj partoj el ĝi estis kantataj en Esperanto.

* * *

*Jaŭdon*, je la 9a komenciĝis ĝenerala kunveno de la kongreso en la Paraninfo de la Universitato. S-ro Gabriel Chavet, je l'nomo de la konstanto komitato proponis la starigon de internacia komitato, kies tasko estus, labori kaj agi kune, por prosperigi nian movadon. La anoj de tiu komitato estus elektotaj laŭ fiksota proporcio.

Tiu ĉi riprezentaro ankaŭ siu okupus por garantii la financajn interesojn de la Kongresa komitato kaj la aliaj ekzistantaj esperantistaj organismoj.

Parto de la kunvenantaro sin montris malfavora al la projekto, varme defendita de S-roj Chavet, Boirac, Mybs kaj Sebert. Oni ĉeestis tre rimarkinda, turniro de elokventeco: la kontraŭstarantoj estis S-ro Mann, Bobin, Blaise kaj aliaj.

S-ro Privat proponis ke oni ne voĉdonu pri la plena propono, sed nur pri tiuj punktoj kiujn ciuj povus aprobi. Laŭ deziro de S-ro Cart la kongresestraro decidis ke oni disdonos presitan tekston, kiun ĉiuj povus mature pripensi kaj pri kiu oni interkonsentus en posta kunsido.

Posttagmeze novaj ekskursaj. Oni supreniris, ŝnurvoje, la monton Tibidabo kaj oni vizitis la pentrindan vilaĝon Vallvidrero. La komercistoj kunvenis en la Café Continental.

Vespere multe da esperantistoj ĉeestis en la Teatro Romea la prezentadon de *Mistero de Doloro*, dramo de la fama dramaturgo Adriano Gual kaj esperantigita de S-ro Pujula. La sukceso estis grandega.

* * *

Diversaj specialaj kunsidoj okazis je *Vendredo*, la 10a. La plej grava estis la solena kunveno de la Scienca Asocio prezidita de Generalo Sebert. S-ro R. de Saussure klarigis la laboron de la Scienca Asocio pri la teĥnika vortaro. Oni elektis novan komitaton konsistantan el S-roj Prof. Hunnington, Generalo Sebert, Prof. Köppen. Prof. Villareal kai S-ro R. de Saussure.

Posttagmeze mi havis la plezuron ĉeesti intiman feston en la ĝardeno de la Palaco de Belartoj. S-ro Privat rememoris la 20an datrevenon de sia naskiĝo kaj kunigis je tiu okazo sesdekon da amikoj. La kunestado estis tre kora. Plej simpatiaj toastoj estis elparolataj de D-ro Zamenhof, Prof. Cart, Baronino de Ménil, Abato Richardson, S-ino Marie Hankel, S-roj Moscheles, Mudie kaj Hodler.

Vespere, je la 10a okazis granda internacia balo en la festhalo de la Palaco de Belartoj, kies aspekto estis mirinde bela. Oni ludis kaj dancis multajn katalunajn dancojn kaj ankaŭ la esperantista «Rondo». Rimarkinda estis la multeco da pentrindaj naciaj kostumoj.

* * *

En la ĝenerala kunveno, okazinta je *Sabato* la 11a en la Paraninfo de l'Universitato, S-ro Rektoro Boirac legis la rapporton pri la laboroj de la Lingva Komitato en kiu li deklaras ke, unufoje por ĉiam, la Akademio malakceptos ĉiujn projektojn pri reformoj, ne konformaj al la principoj de la Fundamento. Esperanto li diris, estas nun *vivanta* lingvo, kiu devas evolucii malrapide kaj nature, tute simile kiel la naciaj lingvoj. Neniu en la mondo povas ĝin arbitre tuŝi. (*Longa aplaŭdado*). La proponoj pri novaj sufiksoj ( — *oz*, *iz* kc.). estas akceptitaj por la scienca aŭ teĥnika lingvo, el kiu ili enŝoviĝos en la komunan se ili estas bezonataj.

S-ro Generalo Sebert anoncas ke la 6a kongreso (1910) okazos en Waŝington kaj la 7a (1911) en Antverpeno. Pri la unua donas kelkajn klarigojn S-ro Reed, pro la elekto de la lasta dankas S-ro Van der Biest, Prezidanto de la Ligo kaj delegito de la Belga Registaro.

La demando, pri kiu oni ne povis interkonsenti dum la ĵaŭda kunveno, estas feliĉe solvata dum la ferma kunsido. Unuvoĉe oni akceptas la proponon de S-ro Privat, redaktitan jene :

La 5a kongreso de Esperanto esprimas la deziron ke la naciaj societoj por la propagando de Esperanto kreu per proporcia balotado internacian konsilantaron, kiu zorgos pri la financaj rimedoj de niaj oficialaj institucioj (lingva komitato kaj konstanta komitato de l'kongresoj). Oni elektos la konsilantojn po unu por mil anoj de propagandaj societoj.

S-ro Bourlet, en brila improvizio, konstatas la gravajn rezultatojn de la 5a kongreso kies ĉefa karaktero estis la unanimeco, la paca diskutado kaj plena interkonsento.

D-ro Zamenhof fermas la kunsidon per elokventa parolado al la Urbestraro, la Organiza Komitato kaj ĉiuj kiuj favoris la kongreson. La ĉeestantaro entuziasme ekkantas la himnon esperantistan kaj disiĝas ekkriante : Vivu Esperanto ! Vivu Zamenhof !

Je la 10a vespera oni kunvenis lastfoje en la Palaco de Belartoj kie la Urbestro prezentis lunĉon al la gekongresanoj. Estis la adiaŭa kunestado. Multaj esperantistoj esprimis al mi sian kontentecon pri la elekto de Antverpeno kiel kongresurbon kaj firme promesis ĝin ĉeesti.

Je mia reveno en la Skeldurbo mi eksciis lu saman kontentecon de mia Antverpenaj amikoj, kiuj promesis fervore kunlabori kaj ageme klopodi por inde sukcesigi la Sepan.

AMATUS. (1)

(1) Malsanetinte dum 2-3 tagoj dum la kongresa semajno miaj notoj ne eviteble estas malkompletaj. Por tamen prezenti kompletan raporton mi permesis al mi kelkajn malgrandajn pruntojn el *Svisa Espero* kaj el *Monde espérantiste*. Mi esperas ke niaj estimindaj kunfratoj ne malfavore akceptos la prenitan liberecon.

## La Esperantista Farmaciista Kongreseto

La vigla, en Dresdeno starigita, Internacia Esperantista Farmaciista Asocio, okaze de la Va internacia kongreso en Barcelono havis kvar kunvenojn, dum kiuj la ĉeestantaj farmaciistoj, el diversaj mondpartoj kunvenintoj, priparolis kaj interdiskutadis diversajn profesiajn kaj sciencajn temojn.

Jaŭdon la 9an de Septembro la farmaciistoj, dank'al la kunlaborado de la Barcelonaj samideanoj D-ro Ramon Bartomeu kaj D-ro José Pons ricevis oficialan tutkoran akcepton en la kunvenejo de la Colegio de Farmaceuticos de Barcelona. Je la 7a vespere la prezidanto de la Colegio, D-ro Puigpiqué, la sekretario S. Vallès y Ribon kaj multaj aliaj Barcelonaj kaj Hispanaj kunfratoj, inter kiuj ni speciale rememoras la nomojn de D-roj Villarroya, Segué, Cardona, Torra, Bartomeu, Pons, Piza k. t. p. atendis la kongresanojn farmaciistajn en la kunvenejo de la Colegio, Calle Guardia, 9.

Trideko da esperantaj farmaciistoj ĉeestis la kunvenon, kiu komencis per la interkonatiĝo de la diversaj ĉeestantoj. Koraj manpremoj kaj afablaj paroloj estis interŝanĝataj de la ĝojplenaj kunfratoj. Vere en tiu momento oni eksentis la internacian fratecon de la kunvenintoj.

La prezidanto cedis la ĉefan lokon al la Sekretario de la Internacia Esperantista Farmaciista Asocio, S-ro Oscar Van Schoor, el Antverpeno, delegito oficiala de la Belga Registaro, kiu per koraj paroloj dankis la Colegio de Farmaceuticos, kaj salutis la esperantistajn kunfratojn. Poste li faris paroladon montrante la utilecon kaj la necesecon por farmaciistoj okupi sin pri la internacia helpa lingvo. Je l'nomo de siaj delegantaj societoj parolis poste S-roj Ramon Bartomeu (Barcelona), Agostino Levanzin (Malta), Borson (Chateau Thierry), Rousseau (Paris), Wicart (Roubaix), Heiberg (Kopenhago) k. t. p.

La sekretario de la Colegio, S-ro Vallès y Ribon, salutinte la kongresanojn, faris paroladon en kiu li pritraktis la historion de la Colegio, la plej antikva societo de farmaciistoj de la mondo. Je l'fino de sia parolado, li sciigis ke la Colegio, kiel pruvo de simpatio al la kunfratoj kaj al Esperanto decidis nomi kiel membrojn korespondantojn ĉiujn eksterlandajn farmaciistojn ĉeestantajn la kongreson.

Post la festa kunsido, la Colegio en sia biblioteko prezentis belegan lunĉon al la esperantistoj. La menuo de tiu kora akcepto estas tute inda esti presita en nia raporto :

*Diversaj viandaĵoj, bulkoj.*
*Ŝinko kaj galanteno.*
*Dolĉaĵoj variaj.*
*Vino de Jerez (Sanchez Romate).*
*Ĉampanvino Moët-Chandon.*
*Glaciaĵo kun vanilo.*
*Diversaj enlandaj kukaĵoj.*
*Haban Cigaroj.*

Je la ĉampanvina momento elparolis toastojn en la diversaj lingvoj S-roj Levanzin, Rousseau, Wicart, Heiberg, Peloille, Bartomeu, Puigpiqué, Villaseca, Van Schoor, k. t. p. Intersekve oni audis toastojn en angla, franca, itala, malta, germana, araba, hispana, kataluna, flandra kaj esperanta lingvo. Fine, resumante la diversajn impresojn, la prezidanto de la kunveno, S-ro Oscar Van Schoor, faris, hispane, la sekvantan toaston:

*Queridos Amigos Comprofesores,*

Es para todos nosotros en este momento grande placer ofrecir a nuestros Colegos del màs antiguo cuerpo de farmacéuticos de todo el mondo, de cuyo tengo el honor ser coresponsal desde hacia cuatro años, el homenaje de nuestros sentimientos de profonda gratitud y de sincera confraternidad. Viva el Colegio de Farmacéuticos de Barcelona, viva la ciudad de Barcelona, la perla de Cataluña, viva la hermandad de todos los farmacéuticos de la tierra, para el progreso de las ciencias y para el bien y la salud de la humanidad.

La Vendredon matene je la 10a, posttagmeze je la 5a kaj Sabaton matene je la 10a okazis la laboraj kunvenoj, dum kiuj la kongresanoj priparolis la diversajn temojn kaj decidis pri diversaj organizaj punktoj.

Estis elektataj kiel prezidanto de la Internacia Esperantista Farmaciista Asocio S-ro D-ro Agostino Levanzin, farmaciisto kaj advokato en Malta; kaj kiel Sekretario-Kasisto. S-ro Oscar Van Schoor, Vondelstrato, 20. Antverpeno (Belgujo).

La diversnaciaj vicprezidantoj kaj komitatanoj, kies nomojn ni ne povas tie ĉi aldoni pro manko da loko estis poste difinataj. Ankaŭ estis decidataj inter aliaj punktoj de la regularo, ke la jara kotizaĵo estos minimume 1 Sm. (2.50 frankoj). La eldonon de faka jurnalo « Farmacia Stelo », kies jara abonprezo estos 1 Sm., ankaŭ decidis la ĉeestantaro.

Inter la rimarkindaj sciencaj temoj priparolitaj ni citu: 1°) Pri la fama *Fungus Melitensis,* historiaj, botanikaj kaj terapeŭtikaj rimarkoj, de D-ro Agostino Levanzin; 2°) pri la nova Franca Farmakopeo, de S-ro Borson (el Chatean-Thierry); 3°) pri ĝenerala reakcio de la saloj halogenitaj de fero kaj 4°) pri kelkaj nekunigeblaj medicinaj substancoj, de S-ro Oscar Van Schoor (Belglando). k. t. p.

Inter la profesiaj kaj propagandaj temoj kiujn priparolis kaj interdiskudadis la kongresanoj, estas citindaj: 1°) Raporto pri la Farmacia Kunveno en Dresdeno; 2°) pri limiĝo aŭ libera ekzerco de la farmacio (S-ro De Wolf el Bruĝo); 3°) pri la reorganizacio de la farmaciaj studadoj en Francujo (S-ro Pelville); 4°) pri la venonta kongreso de farmacio en Bruselo 1910 (S-ro Rousseau); 5°) pri utileco de naciaj formularoj (S-ro Cuvelier-Antverpeno); 6°) pri la deklingva Esperanta farmacia

vortareto (S-ro Rousseau) ; 7°) Pri farmacio, ĉu scienca, ĉu komerca afero (S-ro Heiberg) ; k. t. p.

Pli ol 40 diverslandaj farmaciistoj ĉeestis la kunvenojn kiuj mirinde sukcesis, kaj ĉiam okazis en la kunvenejo de la afabla Colegio de Farmacéuticos de Barcelona. Je la fino de la lasta kunveno oni fotografis la ĉeestintajn anojn, kiel memoraĵo de la bone sukcesinta kongreseto. Krom la eldono de farmacia esperantista ĵurnalo kaj de la deklingva farmacia vortareto, la ĉeestantaro decidis ke estas devo por ĉiuj esperantistaj kunfratoj sendi peton personan al la estraro de la Farmacia Internacia Kongreso de Bruselo ( 1910 ) por ke Esperanto estu oficiale akceptata kiel kongresa lingvo, kiel oni same sukcese faris por la Internacia Kuracista Kongreso de Budapesto, 1909. La adreso de la Brusela kongresa sekretariejo estas 12, rue Malibran, Bruxelles. La formulo por peti estas sekvanta :*Mi,subskribinto,farmaciisto en... intencas partopreni en la kongreso de Farmacio. Mi deziras scii ĉu mi havos rajton fari komunikaĵon en la lingvo Esperanto.* ( Propono Rousseau).

Dank' al la «*Colegio de Farmacéuticos de Barcelona*» kiu komprenis la gravecon de nia esperanta movado, dank'al niaj Barcelonaj kunfratoj D-roj Ramon Bartomeu, Puigpiqué, J. Pons kaj Vallès y Ribon,- dank'al la ĉeestado de multnombraj fremdlandaj samideanoj kunfratoj kaj al la aliĝo de preskaŭ cent farmaciistoj, nia I. E. F. A. sukcesas kaj progresas. Estas devo por ĉiu samideana kunfrato, komprenanta la altecon de nia celo, la gravecon de nia movado kaj la malfacilecon de niaj klopodoj, apogi nian laboradon, kunhelpi nin kaj fari ĉion eblan por la fina venkado de nia nobla kaj ideala batalado. Aliĝu ĉiuj, aliĝigu ĉiujn, kunlaboru ĉiuj al nia faka revuo kaj post malmulte da tempo ni estos stariĝintaj potencan kaj influan internacian kunfratan asocion. ĈEESTINTO.

---

# La skribsistemoj de l'Blindulo

*(Daŭrigo)*

## Evolucio de l'sistemo braille'a

Dum la okdekjara ekzistado de l'braille sistemo, neniu ŝanĝo okazis en ĝi ; tamen ĝia evolucio estis tre grava kaj ĝis nun daŭradas senhalte.

Mi montris en la Junia numero de tiu ĉi revuo, kaj precipe en artikolo : Esperanto kaj la Blinduloj (Belga Sonorilo de Aprilo 1907a) ke la Braille sistemo, malgraŭ ĝia taŭgeco, ne atingas la valoron de la vidulskribado. Jen la ĉefaj malsuperecoj :

1e La braille-literoj postulas pli da loko, plifortan, do pli kostan paperon ol la ordinaraj literoj ; 2e la legado estas iom pli malrapida, kaj precipe la skribado. - El tiuj malsuperecoj devenas nature aliaj : multkosto de la libroj, dikeco kaj malfacila manumado de la volumoj, tempperdo, k. t. p.

Sur folio de unu kvadrata decimetro, Braille skribis 8 liniojn de 17 literoj = 136 literojn. En la komenco oni opiniis, ke tia grandeco de la literoj estas necesa por la blinduloj. En la jaro 1854, frato Juliano de la Woluwa Instituto, konstruigis skribtabuleton permesantan skribi sur kvadrata decimetro 13 liniojn de 20 literoj = 260 literojn. La profito estis granda : la volumoj maldikiĝis, la papero, almenaŭ por la presado, povis esti malpli dika, kaj la legado plirapidiĝis ; tiu lasta rezultato ne estis antaŭvidita.

Sed la blinduloj kutimitaj nur pri la grandaj literoj, tre malfacile legis la malgrandajn, kaj ĝis 1889 tiuj lastaj nur estis uzataj en la Woluwa kaj Brusela blindul-kaj blindulinejoj. De tiu tempo oni komencis en multaj lokoj uzi la belgajn tabuletojn kaj ilin imiti ; sed ĝis nun la antaŭjuĝoj kontraŭ la malgranda skribaĵo daŭradas, kaj eble daŭrados longtempe.

De la komenco, por ŝpari tempon kaj paperon, en ĉiuj institutoj oni mallongigis la vortojn, uzante el la 64 signoj la nealfabetajn, kaj forlasante la literojn ne necesajn por la kompreno de l'vorto. Tio estis malbona kutimo ; ĉar tiu mallongigo estis tute kontraŭortografia kaj malsama, eĉ malsimila de lando al lando, de instituto al instituto, ja de blindulo al blindulo. Estis vera ĥaoso. Feliĉe oni nur uzis tiujn mallongigojn en la skribado, neniam en la presado.

S-ro Maŭrico de la Sizeranne, eminenta Pariza blindulo, ĉirkaŭ la jaro 1885a, trovis la rimedon por ĉesigi tiun maltaŭgan situacion. Li verkis sistemon de mallongigo, kiu konservas la ortografion kaj ŝparas 30 po 100 da papero. La ekzemplo estis baldaŭ imitata por la germana lingvo de S-ro Mohr, el Kiel ; por la flandra kaj latina de profesoroj de la Woluwa Instituto, por la angla, la portugala, k. c.

La sistemo konsistas el la uzado de la nealfabetaj signoj, kiuj alprenas la signifon de du aŭ pli da literoj ; el la uzado de unu, du aŭ tri literoj por facilaj mu te uzataj vortoj kaj esprimoj. Oni facile komprenas ke, se la du ĵus diritaj principoj estas ĉie la samaj, la sistemo mem estas malsimila de lingvo al lingvo.

Tamen, ni sukcesis por la flandra, konservi 23 signojn liter-grupajn el la 39 de la franca sistemo kaj eĉ pli por la latina.

La profitoj de la mallongiga sistemo estas multspecaj : paper-ŝparo, pli rapida legado kaj skribado.

Por rapidigi la skribadon, oni ankaŭ konstruis skribmaŝinojn laŭ la principoj de tiuj de la viduloj. La meĥanikisto, kiu faras la skribtabuletojn por nia instituto, estas nun serĉanta tian

maŝinon por la malgrandaj literoj, permesantan skribi nur per unu mano. Por la jam ekzistantaj, kiuj nur produktas la grandajn literojn, oni bezonas la du manojn, kaj tio estas granda malhelpo por la kopiado, la blindulo devante legi per unu mano kaj skribi per la alia.

La skribmaŝinoj, eĉ la plej perfektaj, havas grandegan difekton, la multkostecon, kiu fatale malhelpos ilin fariĝi la skribilo de la ĝeneraleco de l'blinduloj. La plimulto el tiuj ĉi devos sinkontentigi je la skribtabuletoj. kiuj ĉiam pliperfektiĝas. En alia artikolo mi parolos pri ili kaj ankaŭ pri la presado de libroj.

Ĉar la viduloj ne povas legi la braille-skribon, estis tre utile doni al la blinduloj sistemon por korespondi kun iliaj neblindaj fratoj. Tion oni faris en multaj landoj. En tiu fako la unueco estas ne necesa, eĉ havas ne grandan utilon, kaj oni povas diri, ke preskaŭ ĉiu institutto havas kaj konservas sian propran sistemon. En la Woluwa blindulejo ni havas eĉ du : la nereliefan tiflografion kiu donas da belaj gotikaj literoj, kaj la belgan punktskribon kiu donas punktreliefe la ordinarajn grandliterojn de la presado.

FRATO IZIDORO,

profesoro ĉe la Reĝa Blindulinstituto de Woluwe-Bruselo.

---

# VOJAĜO PER ESPERANTO

Nia koro tute ne estis trankvila kiam, mia edzino kaj mi, je la kvarono de la sesa, ni haltis en la Londona stacidomo Charing Cross, ĉar ni ne parolas angle kaj ni ne sciis kiamaniere ni atingos nian esperantan hotelon, pensionon O'Connor. Nur dù frazoj el la angla lingvo estis konataj de mi : *Please*, kaj *I thank you*. Mi memoris cetere bonan konsilon, kiun mi iam legis en esperanta gvidlibro tra Londono : « en okazo de dubo turnu vin al policano, montru al li sur papero skribitan la lokon kien vi deziras iri, kaj li tre afable penos direkti vin. »

Do, dezirante uzi taksametran veturilon mi alparolis policanon, valorigante duonon da mia scio de la lingvo angla, dirante : « *Please, Sir, taxameter !* » Li fajfis kaj tuj alvenis taksametra droŝko. Mi donis al la afabla viro, kiu en mi vekis konfidon per sia ĝentila servemeco la adreson de la hotelo, li legis ĝin kaj laŭ ŝajnis al mi, demandis la veturigiston ĉu li konas ĝin. Tiu ĉi jesis, ni eniris la aŭtomobilon kai forveturis.

Ni veturis tiel rapide ke nia spirado haltadis. La brua vivo, la amaso da veturiloj en la ĉefaj Londonaj stratoj nin surprizis, kune kun la nekutima rapideco de la veturigistoj,

pri kiuj ni jam hejme legis « ke la lerteco de la Londonaj veturigistoj estas proverba ».

* * *

Post veturigado daŭrinta pli ol duono da horo, ni estis sur la St Stephens square, kaj ni haltis antaŭ domo, kie ni ekvidis verdan stelon kaj la surskribon *Esperanto house*.

Mi sonorigis. Enirinte la domon mi alparolis serviston esperante, sed li ne ŝajnis kompreni. Dum li pripensis alvenis la dommastro, S-ro O'Connor mem, kiu nin afable salutis dirante : « Estu bonvenintaj ! » Li demandis nek kiu ni estas, nek de kie ni venas. Ni estis bonvenintaj, kaj akceptataj kiel samideanoj, kies hejmo estas la tuta mondo, kiel amikoj de amikoj.

Post la kutimaj formalaĵoj koncerne la restadon en Londono kaj la prezon de la luota ĉambro, ni prizorgis iomete niant ualeton por la vespermanĝo, okazonta je la 7a akurate.

La manĝagoj estis tre bongustaj kaj la interparolado dum la manĝado tre agrabla. Plezure ni konstatis la valoron kaj la signifon de nia bela lingvo internacia. Ni jam uzis ĝin diversfoje sukcesplene dum nia vojaĝo, precipe en Antverpeno, kie niaj gesamideanoj, S-ro Van der Biest-Andelhof, S-ro Schoofs kaj Gesinjoroj Payot tiel agrabligis nian restadon, ke ni estus maldankemaj, se per nia silento ni preterlasus memorigi ilian afablan akcepton. Ni travivis en la granda belga komerca metropolo, dank' al la nomitaj geamikoj, vere feliĉajn, ne forgeseblajn horojn.

Sed... ni revenu en nian Londonan pensionon. La interkompreniĝo kaj la amuzo ĉe tablo kaj post la vespermanĝo nur estis eblaj per Esperanto. S ro O'Connor kaj lia estimata edzino ne komprenis germane. kaj ni ne povis paroli angle. Sed tio ne malhelpis, ĉar, dank' al Esperanto, ni interparolis kaj interkomprenis perfekte.

Tiam senkonscie sonoris en mia kapo la jena verso el nia bela himno :

« Forte staras muroj de miljaroj
Inter la popoloj dividitaj,
Sed dissaltos la obstinaj baroj
Per la sankta amo disbatitaj... »

* * *

La sekvantan matenon nia afabla gastiganto donis al ni ĉiuspecajn informojn kaj konsilojn pri nia restado en Londono, precipe pri nia vojira plano kaj la uzotaj omnibusoj kaj tramvojoj.

Ne estas eble imagi la grandegan amplekson de Londono, kiu kalkulas stratojn po milioj da mejloj ; unu el la urbaj komunumoj, ne la plej granda, enhavas 700 mejloj = 1129

kilometroj da stratoj. Por veturi de unu loko al alia ekzistas fervojoj sub kaj super la tero, omnibusoj, aŭtobusoj, tramveturiloj kaj kabrioletoj. Dum la favora sezono multnombraj vaporŝipetoj traveturas la ri eron.

Ne estas mia intenco priskribi la multnombrajn vidindaĵojn de Londono. Mi nur volas altiri la atenton sur la fakton, kiun ni persone spertis, ke estas tre eble vojaĝi nur uzante la lingvon internacian Esperanton ; mi renkontis esperantistojn en ĉiuj urboj kiujn ni travojaĝis : en Germanujo, en Belgujo, en Britujo. Ĉie oni akceptis nin plej afable kaj kompleze.

Esperantistoj el ĉiuj landoj ! Klopodu senĉese kaj plej fervore por diskonigi kaj disvastigi nian karan lingvon ! Niaj rilatoj kun la fremdaj landoj plifaciliĝos kaj pliagrabliĝos kaj fine

« Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian. »

GUSTAV KRATOCHVIL.
Praha (Prago).

---

## La Haga Esperantista Tramveturilo.

Jam de kelkaj jaroj, okaze de la revendato de la reĝino Wilhelmino, je la 31a de Aŭgusto, la tramkonduktoroj kutimas ornami la elektrajn tramojn par flagoj, floroj, fruktoj aŭ doni al ili la aspekton de Ĥina sanktejo, antikva gastejo, lulilo, elefanto k. t. p.

Tiu ĉi originala amuzaĵo allogas amason da fremduloj al la belega holanda urbo.

Dum la pasinta vintro kelkaj konduktoroj sekvis Esperantajn kursojn kaj tiuj fervoruloj nun havis la laŭdindan ideon ornami sian tramon per esperantaĵoj. Plej bona prapagandilo ja ne povis esti elpensita. Dum la tuta tago esperanta tramo veturis de Hago al Ŝeveningo, fama banejo, kie ĉiu somero kunvenas multaj ekskursantoj. La konduktoroj kiuj deĵoris sur tiu tramo respondis al la petoj de la vojaĝantoj en la internacia helplingvo. Ke la tramo allogis la admirantajn rigardojn de urbanoj kaj eksterlanduloj oni facile komprenos se oni ĝin estus vidinta. La du larĝaj flankoj estis kovritaj per blanka tolo sur kiu estis pentritaj terglobo j, interligitaj per banderolo sur kiu oni skribis : « Internacia helplingvo Esperanto » Malantaŭ la terglob-oj oni vidis gigantajn verdajn stelojn. Sub ĉiu fenestro oni legis esperantajn devizojn kaj la flankoj estis borderitaj per altaj stangoj, kiuj portis 60 gajajn esperantajn flagetojn. La superparto estis drapita per multkoloraj internaciaj flagoj. Sur

la antaŭa kaj la malantaŭa platâjo oni legis en grandaj literoj : « Ciam antaŭen » bona devizo por tramo, sendube.

Vespere ne estis necese veturi en profunda mallumo, ĉar la belaj verdaj lumigiloj, formante kune grandan stelon, montris la vojon al ĉiuj. Tute certe estas ke de tiu ĉi dato ne ekzistas Hagano kiu ne gaje ekkriis aŭ mirigite balbutis se nur unu fojon dum sia vivado, la nomon : « Esperanto ».

Oni havis la feliĉan ideon fari fotografaĵon de la esperante ornamita tramĉaro kaj ĝin eldoni kiel ilustrita poŝtkarto. Jen certe bonega kaj plej efika propagandilo.

La poŝtkartoj estas akireblaj ĉe F-ino **N. Boon**, sekretarino de la Haga grupo, **Koningin Emmakade, 97. Den Haag**, Nederland. Ili kostas *unu spesmilon* po 35 ilustritaj kartoj.

---

# ESPERANTO FACILA

## La Duo por la Dua

— Kion la Verviers'a kongreso decidis, S-ro Agemulo, por organizi en nia lando ĝeneralan kaj efikan (1) propagandon por Esperanto ?

— Ho ! tio koncernas la specialan propagandan komision, kiu estis starigata (2) en Huy kaj la ligestraron (3), la parolantojn, ne min.

— Do, ĉu vi ne interesiĝas pri propagando ?

— Male ! Se unuflanke mi ne okupas min pri ĝenerala propagando, aliflanke mia amiko Filipo kaj mi, ni fidas nur en persona propagando, kaj ni ĵuris fari tian.

— Vi mienas tiel kaŝeme (4) ! Kion vi do intencas fari ? Ĉu estas sekretaĵo ?

— Tute ne ! Aŭskultu ! La vesperon de la 27a de Junio, en Verviers, alveninte ĉe la supraĵo de l'entuziasmo, ni ambaŭ prenis grandan decidon.

— Ĉu iri al kaj varbi por la Barcelona kongreso ? Kaj al la Usona ?

— Kara amiko, se ĉiu kuraĝa esperantisto havus sufiĉan monon kaj tempon, mi certigas vin ke internaciaj kongresoj ne estus plu eblaj, pro la trograndnombreco de la partoprenantaj.

— Kion do vi decidis ?

Nu, en tiu ĉi jaro mem, ĉiu el ni devos varbi minimume (5) ses anojn, aŭ ...

— Aŭ, se ne....

— Se ne, edziĝi kun esperantistino en la venonta jaro.

— Jen teruriga (6) puno por du glaciiĝintaj (7) fraŭloj kiel vi ambaŭ.

— Tamen, jen estas bona kaj eble feliĉiga rimedo por pligrandigi la Esperantistaron ! Kaj, kiu scias ? En niaj vicoj mi jam plezure vidas tiom multe da graciaj, dolĉaj vizaĝetoj...

— Sendube.... mi jam rikomendas min kiel bona baptopatro (8).

— Ho ! atendu kaj atentu almenaŭ pri nia persona propagando.

— Kiamaniere vi intencas persone diskonigi la internacian lingvon ?

— Ĉiamaniere. Al tiuj, kiuj dubas pri la ekzistebleco de nia lingvo, ni diros : ĝi jam vere kaj fortike (9) ekzistas, kaj mia amiko Filipo montros al ili la aron da poŝtkartoj kiujn li ricevis el ĉiu parto de la mondo. Kiu kontraŭdiros je tiu praktikeco ?

— Bone ! Sed estus kontraŭuloj, kiuj asertadas (10) ke, malgraŭ tiu skriba valoro, Esperanto estus parolata diversmaniere de alilandanoj.

— Ho ! ni starigos en nia urbo esperantan gasttablon, ĉirkaŭ kiu ni kunvenos kaj kunvenigos amikojn regule ĉiusemajne por interparoli Esperante, kaj kie ni akceptos la fremdlandajn samideanojn, kiuj intencos viziti nian urbon. Tiamaniere, ĉiu kontraŭulo povos juĝi, ke ĉiulandaj esperantistoj malgraŭ eble iomete ia malsameco en l'elparolado, interkomprenas mirige.

— Bone, bone. Kaj plie ?

— Ni klopodu por ke en ĉiu urba kantfesto kaj festeno, oni kantu ankaŭ en Esperanto. Tiel ni samtempe altiros la atenton de la publiko al la ekzisto kaj la bonsoneco de nia lingvo. Ni portos ĉiam la verdan stelon. Ni disdonos esperantajn broŝurojn.

— Kaj plie ?

— Plie ? Ŝajnas al mi ke tio sufiĉas por varbi kelkajn anojn al nia urba grupo. Se ĉiu ĉeestinto de la Verviers'a kongreso farus la saman, aŭ eĉ pli malgrandan, personan propagandon, la tiea esperplena krio de nia ligprezidanto estus superita (11) : « En Bruĝo ni estas pli ol 500 ope ! »

— Eble 1000 ope !

— Mi deziras al vi kaj al via amiko grandan sukceson, Sinjor' Agemulo. Ĉu vi permesas ke mi konigu viajn ideojn pri persona propagando al la legantoj de la Belga Esperantisto », por ke ili agu sammaniere ?

— Certe, sed nomu nek min, nek Filipon.

— Estu trankvilaj ambaŭ ; mi baptonomos vin : la duo por la dua nacia kongreso. Pli malfrue, se vi edziĝos, mi eble devos diri : la kvaro por la kvara...

— Edziĝi, tiu ideo ankoraŭ tremigas min. Sed,... silentu, mi vidas konatulon, la faman aerveturigiston (12) Ĉielulo ; mi iros al li, mia propaganda laboro jam komencas. Adiaŭ !

— Ho ! kia fervoreco ! Mi vidas kun feliĉo ke nova blua ĉielo kun ridanta suno nun briladas super la belga esperantistaro. Tio ĝojigas mian koron de malnova fidelulo ! S-ro Agemulo, kuraĝe antaŭen ! Ĝis revido !

SKALDO.

## Klarigoj

(1) Efikan, afdoende, *efficace* ; — (2) starigi, oprichten, *établir*, *organiser* ; — (3) estraro, bestuur, *direction* ; — (4) kaŝeme, geheimzinnig, *ayant l'air de vouloir cacher* ; — (5) minimume, minstens, *au moins* ; — (6) teruriga, bangmakend, *terrorisant* ; — (7) glaciiĝinta, bevrozen, *gelé* ; — (8) baptopatro, peter, *parrain* ; — (9) fortike, kloek, *robustement* ; — (10) aserti, beweren, *prétendre* ; — (11) superi, overtreffen, *excéder* ; — (12) aerveturigisto, luchtreiziger, *aéronaute*.

---

# Humoraĵoj

## Obstina vojaĝanto

*Scenejo en Pariza omnibuso*

Kondukisto al vojaĝanto, ekvidante infanon sidantan apud li:

— Vi ne prenas la infanon sur viajn genuojn ?

Vojaĝanto. — Mi ne prenas la infanon sur miajn genuojn.

Kondukisto. — Kiel vi volas ; sed se tiel, pagu tridek centimojn por ĝia sidloko.

Vojaĝanto. — Mi ne pagos tridek centimojn por ĝia sidloko.

Kondukisto. — Nu, sinjoro, vi tuj deveturiĝu.

Vojaĝanto. — Mi ne deveturiĝos.

La kondukisto prenas la vojaĝanton per la brako.

Vojaĝanto. — Ne tuŝu min, se ne, mi rompos vian vizaĝon.

Kondukisto. — Bone ! Ni klarigos tion ĉi ĉe la proksima kontrolejo.

Le omnibuso alvenas ĉe la kontrolejon.

La kondukisto al la kontrolisto :

Jen iu sinjoro, kiu malakceptas pagi la sidlokon de tiu infano, nek volas preni ĝin sur siajn genuojn.

Kontrolisto. — Sinjoro, tia estas la regulo : pagu la sidlokon de tiu infano, aŭ prenu ĝin sur viajn genuojn.

Vojaĝanto. — Mi ne pagos ĝian sidlokon, nek prenos ĝin sur miajn genuojn.

Kontrolisto. — Nu sinjoro. deveturiĝu.

Vojaĝanto. — Mi ne deveturiĝos.

La kontrolisto prenas lin per la brako.

Vojaĝanto. — Ne tuŝu min, se ne, mi rompos vian vizaĝon.

Kontrolisto. — Bone ! Ni klarigos tion ĉi antaŭ policano.

Alvenas policano.

Kontrolisto al policano, montrante la vojaĝanton kaj la infanon :

— Jen iu sinjore, kiu rifuzas pagi la sidlokon de tiu infano nek volas preni ĝin sur siajn genuojn nek deveturiĝi.

Policano. — Nu, sinjoro ; vi faros unu el tri : aŭ vi pagos tridek centimojn por la sidloko de l'infano, aŭ vi prenos la infanon sur viajn genuojn, aŭ vi deveturiĝos kun ĝi.

Vojaĝanto. — Mi ne pagos tridek centimojn ; mi ne prenos la infanon sur miajn genuojn nek mi deveturiĝos kun ĝi.

La policano ekkaptas la vojaĝanton.

Nojaĝanto — Lasu min, se ne...

Policano. — Ha ! tial vi sekvu min en la policestrejon.

Vojaĝanto. — Tre volonte mi iros : gi estas mia direkto.

Li deveturiĝas.

Kondukisto, Kontrolisto, Policano, Vojaĝantaro. — Kaj la infanon ? Vi forgesas la infanon !

Vojoĝanto. — Malsprituloj ! La infano ne estas mia. Ĝi apartenas al la dika sinjorino, kiu dormadas sur la sidejo.

(*El Eĥo Esperantista*).

## Simpligita Esperanto

En Esperanto ekzistas la vortoj : *piedo*, *ŝtrumpo*, *boto*, *galoŝo* ; sed la tri lastaj ŝajnas superfluaj, ĉar oni povus anstataŭi la lastajn per *piedingo*, *piedingingo* kaj *piedingingingo*. Ĉu ne vere ?

(*Spritulo*).

## Naive

Infano. - Mi petas, donu al mi polvon por puloj.

Apotekisto. — Por kiom ?

Infano. — Ha, mi ne estas kalkulinta ilin.

(*id*).

---

## Solvoj de la problemoj 1908-1909

N° 4. — 1) Nombro, Ebano, Plado, Raso, Eduko — Fringo, Irado, Deliro, Etero, Lakso, Afiso.

La ̄aldonitaj literoj, akrostike legitaj formas la frazon : **Nepre fidela.**

2) Domo, Homo, Komo, Nomo, Pomo, Romo, Vomo.

3) Kantoro. Rakonto, Kronato.

N° 5. — 4) o-ro aro-baro, trabo, rabato, barako, tabako, abato, bato, ato. to, o.

5) F A R I
A M O N
R O N D
I N D A

6) Bono, Dono, Kono, Mono.
Sono, Tono, Zono.

Nr 6. — 7) A N A S O
N A T U R
A T A K E
S U K E R
O R E R O

8) Vivu Esperanta lingvo

9) A
B O
E R O
L O L O
O N A R O

N° 8. — 10) Ovo 11) Ne vino.

12) Barelo (1. Balo, 2. Relo, 3. Bare, 4. el, 5. al, 6. re, 7. bo, 8. la, 9. ol, 10. aro, 11. ero, 12 ora, 13. baro, 14. belo, 15. bero, 16. rabo, 17. aleo, 18. olea, 19 aero.)

N° 10.— 13) o-ro,tro, rato, frato, faro, aro, or, r.

14) P A T R O
A Z I O
T I O
R O
O

15) I D O.

## Solvintoj de la Problemoj

Solvis bone ciujn 15 problemojn : S-ro André Balon (Namur)
Frato Vincent »
» 14 problemojn : S-ro Clarence L. Dean (London)
» 9 » » M. Bastoul (Dijon) & Alph. Macaux (Namur).
» 6 » Antaŭenano (Beyne-Heusay).
» 3 » E. Bidjac (Namur), Honoridino (Brugge), Mathouillet (Beaune), Fratro Meinrard (Namur).
» 1 » G. Van de Zande (Borgerhout).

Premioj estas sendataj al la 5 unuaj solvintoj.

## *Gratuloj*

Plej sincerajn gratulojn « Belga Esperantisto » prezentas al S-ro **Ernest Mertens**, komunuma Sekretario, prezidanto de la grupo « Espero » en Willebroek kaj al F-ino **Bertha Van Dyck**, el Klein Willebroek, geedziĝitaj la 28an de Aŭgusto.

Nia ĵurnalo ankaŭ tutkore gratulas S-ron **J. B. Istace**, sekretario de la Antverpena grupo « la Verda Stelo », komitatano de la Belga Ligo Esperantista kaj F-ino **Maria Verlinden** el Borgerhout, kies edzeca festo okazis la 5an de Oktobro.

---

## ALVOKO AL LA TUTA ESPERANTISTARO

Ĉiu Esperantisto scias, ke Doktoro ZAMENHOF naskiĝis en Bjelostoko la 15an de Decembro 1859 ; sekve, la 15an de Decembro de l'nuna jaro 1909a, li estos 50jara.

Estas tute neeble, ke ni ne festu solene la 50an datrevenon de la naskiĝtago de nia gloregа Majstro.

Mi do proponas, ke la 15an de Decembro 1909, ĉiu Esperantista grupo granda aŭ malgranda, en Afriko, Ameriko, Azio, Eŭropo aŭ Oceanio, organizu specialan feston por tiu ĉi datreveno.

Tiamaniere, en la tuta mondo, la saman tagon, la tuta Esperantistaro tutkore kaj respektplene glorigos la Elpensinton de nia karega Esperanto.

Mi estas certa, ke ĉiuj Samideanoj varme aprobos mian ideon, kies efektivigo estas tre facila.

Kompreneble, organizos ĉiu grupo tian feston, kia plaĉas al ĝi. Organizotaj povas esti festeno, koncerto, balo, ekskurso, paroladо, aŭ alia afero. Ĉiu festos laŭ sia preferata maniero.

Estus ankaŭ dezirinde, ke dum la festo, ĉiu grupo sendu al nia kara Majstro telegramon aŭ leteron, aŭ poŝtkarton por esprimi sian fidelecon kaj sian dankemon.

Jen estas la propono, kiun mi faras al la Esperantistoj. Mi esperegas ke ĝi estos akceptata, kaj ke la 15an de Decembro 1909 estos grava dato en nia historio.

RENÉ BECK,
Sekretario de l'Esperantista Federacio de Centrokcidenta Franclando.

---

## *DIVERSAJ INFORMOJ*

La **Belga Adresaro Esperantista** por 1910 estos aĉetebla je la fino de la nuna monato.

Esperantistoj, apogu la entreprenon mendante la libron. Vi trovos en ĝi multajn ĉiuspecajn sciindaĵojn pri la esperanta movado en nia lando.

La kosto estas tre malalta : 50 centimoj por Belgujo, 50 centimoj (Sm. 0.24) por la aliaj landoj.

Sin turni al la Centra Esperantista Belga Oficejo (C.E.B.E.), 20, Vondelstraat, Antwerpen (Anvers).

— **S-ro Achille Payot**, 20, Van Ertbornstrato, Antverpeno (Antwerpen, Anvers), deziras interŝanĝi malnovajn poŝtmarkojn kun belgaj ekzempleroj, ankaŭ malnovaj.

— **La esperantista murkalendaro** eldonota de S-ro J. L. Bruijn, 176, Kepplerstrato, Hago (Nederlando) baldaŭ aperos. La specimenaj paĝoj kun la trikolora ŝildo faras bonan impreson.

La murkalendaro, ĉien afrankite, kostas 60 spesdekojn. La eldonisto akceptas internaciajn respondkuponojn, ĉekojn de la Esperantista ĉekbanko kaj poŝtmandatoj.

— **La Esperantista Poŝkalendaro** por 1910, eldonota de la « Esperanto Verslag **Möller & Borel** », Lindenstrasse 18-19, Berlin S. W. aperos en Novembro 1909.

Tiu rekomendinda kaj utila verketo konsistas krom la tradicia kalendaro el statistikaj informoj kaj kompleta listo de la esperantistaj grupoj kaj diversspecaj novaj, tre interesaj artikoloj kaj anoncoj.

Preza : afrankite ĉien 0,5 Sm. = fr. 1.25

Tarifo por anoncoj : 1/1 paĝo 16 Sm. — 1/2 paĝo 10 Sm. — 1/4 paĝo 6 Sm. — 1/8 paĝo 4 Sm ; — trilinia anonco 1.60 Sm.

— **S-ro Ivan Ivanoviĉ Aleksejev**, Begorodsk, Moskov gub. Semskaja bolnica, turnas sin al studentoj esperantistaj de la kvin mondpartoj kiuj apartenas al la « Tutmonda Kristana Ligo », kun propono korespondadi pri demandoj, rilatantaj al la Ligo.

— **Alvoko al artistoj kaj artamantoj**. « Samideano ĉiumonata » organizis « internacian artistan korespondadon », por plifaciligi interrilaton kun internaciaj artistoj kaj amatoroj de literaturo, belarto, fotografio, muziko, teatro, arĥitekturo, k. t. p. kaj por pli sufiĉe diskonigi la nuntempan ideon kaj inklinon de la supernomitaj artoj.

« Samideano ĉiumonata » estas bela revuo, eldonata de Verda Stelo & K-io 33, Abekawa-machi, Akusaka, Tokio (Japanlando).

La jarabono de la ĵurnalo kostas Fr. 6.90 = Sm. 2.75

— **Deziras korespondi** : S-ro Joseph Relavisse, 16, rue d'Harscamp, Liège.

---

# BELGA KRONIKO [1]

Diversaj belgaj ĵurnaloj publikigis tre interesajn kaj laŭdajn artikolojn pri la Barcelona kongreso. Inter ili mi nomu *Le Matin*, *La Métropole*, *Volkstribuun* (Antverpeno), *Le Patriote* (Bruselo) kaj *Le Journal de Mons*.

**ANTVERPENO**. — Ke la esperantista movado en Antverpeno kaj antaŭurboj estas intensa, montras la jena informo, enpresita en ĉiuj Antverpenaj ĵurnaloj (8-an kaj 9-an de Oktobro) :

« La Antverpena Esperantista Centra Komitato sciigas pri la malfermo de la espererantaj kursoj : *Antverpena Grupo Esperantista* (sekretariejo : 21, L. Herenthalsstraat), ĉiusabate je la 8 1/2-a vespere, por gesinjoroj, en sia sidejo *Taverne Royale*, kaj ĉiuvendrede je la 5-a kaj 6-a ptm. en la mezalernejo por knabinoj, Eikenstraat, (kursoj, instruataj franclingve) : — *La Verda Stelo* (sekretariejo : 49, Kl. Beerstraat), ĉiujaŭde je la 8 1/2 vespere per flandra kaj ĉiumarde per franca lingvo en la urba lernejo N-ro 16 (Groote Hondstraat) ; — *Suda Lumo* (sekretariejo : 23, lange Elzenstraat), ĉiujaŭde, je la 8 1/2 a vespere per flandra kaj franca lingvo, por gesinjoroj en la urba lernejo N-ro 23 (Kasteelstraat) ; — La *Berchema Esperantista Grupo* (sekretariejo : 376, L. Leemstraat, Antwerpen), por la Ruĝkrucanoj, ĉiumarde je la 8 1/2a vespere *In den Vroegen Morgen*, Poortstr., 69 ; alia kurso ĉiusabate je la 8 1/2a por gesinjoroj en la « Cafédes Arts » ; — *La Verda Lumo* (Berchema grupo de laboristoj, (sekretariejo: 42, Van Vaerenberghstraat) ĉiujaŭde, je la 8-a vespere ; — Grupo *Laboro* en Borgerhout

---

(1) La grupoj estas petataj sendi siajn informojn al la subsbribinta raportanto, plej malfrue antaŭ la 5-a de ĉin monato, kaj ankaŭ la ĵurnalojn de sia urbo aŭ regiono, enhavantajn artikolojn pri Esperanto. Adreso : **Vondelstraat, 20, Antwerpen.**

(sekretariejo : 23, Krügerplaats) ĉiumerkrede, por gesinjoroj, en la komunuma lernejo por knaboj, 20, Erasmusstraat.

La jara kotizaĵo de ĉiuj grupoj de Antverpeno kaj antaŭurboj estas 4 frankoj ; *la membroj ricevas rajte kaj senpage la revuon « Belga Esperantisto. »*

— **Suda Lumo**. Tiu ĉi juna sed vigla grupo organizis je Dimanĉo, la 12an de Septembro, kamparan promenadon al Kalmpthout. Oni propagandis pri la Zamenhofa lingvo, speciale kantante la esperantistajn kanzonojn, de S-ro Swagers jam popularajn en Antverpeno. La ekskurso perfekte sukcesis kaj kunigis multajn partoprenantajn, spite la ne favora vetero.

— **Nova Grupo**. La 1an de Septembro S-ro Hijman Finebloom sukcesis, precipe inter Israelidoj, starigi novan grupon, kie oni instruos Esperanton per la hebrea kaj la germana lingvo. La grupo, kiu sin ne okupas pri politikaj kaj religiaj demandoj, estas ankaŭ alirebla al nehebreoj.

La saman tagon S-ro Ad. Finet faris paroladon ĉe la nova societo kaj jam malfermis la morgaŭan tagon kurson, faratan germanlingve. La grupo kalkulas proksimume dudek anojn.

**BORGERHOUT**. — S-ro P. de Smeth, Skabeno de la Publika Instruado, akceptis la honoran prezidantecon de la grupo « Laboro ».

**BRUĜO**. — La bruĝa jurnalo « la Patrie » enhavas en sia numero de la 9-10a Oktobro, bonegan propagandan artikolon pri Esperanto.

**CHARLEROI**. — La Karloreĝa Grupo organizas grandan propagandan feston, kiu okazos je Dimanĉo, le 14a de Novembro. S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la Belga Ligo Esperantisto, faros paroladon pri la tutmondaj esperantistaj kongresoj.

**DENDERMONDE (Termonde)**. — La tiea ĵurnalo « Ros Beiaard » de 29a de Aŭgusto publikigis tre legindan artikolon pri Esperanto en la kuracarto. Kiam oni starigos grupon en Dendermonde ?

**LIEĜO**. — La Lieĝo Esperantista Grupo kunvenas regule ĉiusabate je la 8a vespera en la Instituto Paumen, 36, Strato André Dumont.

La esperantistoj estas afable petataj ĉeesti la kunvenojn, kie ili povas amike interparoli en Esperanto kaj legi la diversajn revuojn kaj ĵurnalojn, kiujn la groupo ricevas.

**WILLEBROEK**. — La 11-an de Septembro la tiea grupo « La Espero » festis sian profesoron S-ron Camille Babilon el Boom.

Je tiu okazo « La Espero » donis festenon en la Hotelo Casino. Ĉiuj gegrupanoj ĉeestis ; la komitato estis invitinta ankaŭ S-rojn Frans Schoofs el Antverpeno kaj Jules Clerbaut el Boom.

Je la fino de la festeno S-ro Mertens, Prezidanto, varme dankis S-ron Babilon pro lia sindonemeco kaj donacis lin je la nomo de ĉiuj gelernantoj per belega arta rememoraĵo. — Kortuŝate, S-ro Babilon dankis kaj instigis siajn lernantojn persisti en la lernado kaj la praktikado de Esperanto. Li ankaŭ dankis la komunuman estraron de Willebroek, kiu malavare helpas la klopodojn de la grupo.

S-noj G. Van Dyck, Sekretario, kaj Frans Van Breedam toastis je la fondintoj de « La Espero » kaj je la prosperado de siaj grupoj : « La Verda Stelo » el Antverpeno kaj la « Booma Grupo Esperantista. »

Al tiuj toastoj S-roj Frans Schoofs kaj Jules Clerbaut respondis kaj trinkis je la bonfarto de S-ro Mertens kaj je la granda sukceso de la laŭdindaj klopodoj de la Willebroek'a Grupo. — S-ro Sehoofs ankaŭ toastis je la Woluwa Blindulgrupo el kiu unu komitatano ĉeestas, S-ro M. Clymans, kiu regalis la ĉeestantojn per sia talenta pianoludado.

Post kelkaj dankvortoj de tiu samideano okazis bela koncerto dum kiu F-inoj J. Van den Bossche, Van den Eynde, J. Vertongen kar S-roj L. De Jonghe, J. Frateur kaj J. Minazio montris siajn muzkajn kaj deklamajn ecojn. Necese estas diri ke la « Gaja Kantaro » de nia samideano Swagers estis varme aplaŭdata.

Fine, post la kantado — oni ne jam laciĝis — balo estis organizata kaj la festo daŭris ĝis la « malgrandaj horoj » dum la plej kora frateco kaj gajeco ne ĉesis regi.
Oscar VAN SCHOOR.

———xxxx———

## Het Esperanto in den Vreemde

**NEDERLAND.** — De heer J. de Haan meldt in het Octobernummer van «Holanda Pioniro» dat hij als hoofdopsteller van dit tijdschrift aftreedt. Deze beslissing zal met spijt vernomen worden, daar onder de leiding van den heer J.deHaan «Holanda Pioniro» zich een zeer eervolle plaats in de esperantische pers veroverd had. Het orgaan zal daarom niet ophouden te verschijnen ; deswegen werd bij het congres der Nederlandsche esperantisten, in Juli j. l. te Gouda gehouden, door den heer voorzitter Romein stellige verzekering gegeven.

— Op 29 Augusti werd te 's Hertogenbosch het Nederlandsch Verbond der katholieke Esperantisten gesticht.

— Door het stedelijk bestuur van Amsterdam werd vergunning gegeven tot het gebruik van eenige schoollokalen tot het geven van leergangen van Esperanto.

— Op uitnoodiging van den Bond der Goederenklerken bij de Staatsspoorwegen wordt door den heer H. Blok in het orgaan dier vereeniging een kursus van Esperanto gegeven.

— Het weekblad «De Amsterdammer» van 22 Augusti bevat een zeer lezenswaard artikel van den heer B. Menalda, gericht tot degenen die beweren « dat het doel nooit zal bereikt worden ».

**FRANKRIJK.— Parijs.** — Door de bemoeiingen van eenige Parijzische groepen zal op 24 October een groot propagandafeest gegeven worden in den schouwburg «Athénée St-Germain».

De groep van het Latijnsch kwartier onderscheidt zich door een voorbeeldige werkzaamheid en viert op 16 October de inhuldiging van zijn nieuw lokaal *Café Procope*, 13, rue de l'ancienne Comédie.

**Bordeaux.** — In de scholen St-Genès en St-Ferdinand en in de lagere hoofdschool werden bij de openbare prijsuitdeeling bijzondere belooningen van Esperanto uitgereikt.

**Toulon.** — Het gemeentebestuur heeft een bijzonder lokaal ter beschikking der esperantische groep gesteld, en haar eene toelage van 100 frank gestemd.

**Dinard.** — Op 9 Augusti sloot de heer Crolard, maire der stad, de echtverbintenis der twee gekende esperantisten, Mej. Wacker en den heer Roussel. Tot groote verwondering der aanwezigen hield hij aan het jonge paar eene aanspraak in het Esperanto over de plichten der gehuwden.

Ziedaar stellig een heerlijk propagandamiddel !

## L'Espéranto à l'étranger

**PAYS-BAS.** — M. J. De Haan annonce dans le numéro d'octobre de « Holanda Pioniro » qu'il se retire comme rédacteur en chef de cette revue. On apprendra avec regret la retraite de M. De Haan, car sous sa direction « Holanda Pioniro » s'était conquis une place très honorable dans la presse espérantiste. Ceci n'empêchera pas cet organe de paraître ; ainci l'a formellement déclaré M. Romein, lors du congrès espérantiste qu'il a présidé à Gouda, au mois de juillet dernier.

— Le 29 août fut fondé à Bois-le-Duc la Ligue espérantiste catholique neèrlandaise.

— Le conseil municipal d'Amsterdam a accordé l'usage gratuit de quelques salles d'école pour y donner des cours d'Esperanto.

— Sur l'invitation de la Ligue des commis de transport de marchandises aux chemins de fer de l'Etat, M. Blok, publie un cours d'Esperanto dans l'organe de cette société.

— Le journal hebdomadaire « De Amsterdammer» du 22 août contient un très intéressant article de M. Menalda, adressé à ceux qui prétendent, «que le but ne sera jamais atteint ».

**FRANCE.— Paris.** Sous les auspices de quelques groupes parisiens une grande fête de propagande sera donnée au théâtre « Athénée St-Germain».

Le groupe du quartier latin se distingue par une activité exemplaire et fêtera le 16 octobre l'inauguration de son nouveau local *Café Procope*, 13, rue de l'ancienne Comédie.

**Bordeaux.**— Aux écoles St. Genès et St. Ferdinand et à l'école primaire supérieure il a été décerné des prix speciaux d'Esperanto à la distribution publique des prix.

**Toulon.** — La municipalité a mis un local spécial à la disposition du groupe espérantiste et vient de lui voter une allocation de 100 francs.

**Dinard.** — Le 9 août dernier, M. Crolard, maire de la ville, a procédé au mariage des espérantistes connus, Mlle Wacker et M. Roussel. Au grand étonnement des assistants il a fait, en Esperanto, une allocation au jeune couple sur les devoirs des époux.

Voilà bien certainement un excellent moyen de propagande !

**DUITSCHLAND.** — Het geïllustreerd tijdschrift « La Bela Mondo » heeft opgehouden te verschijnen en werd vervangen door « Universo » dat zich even sierlijk aanbiedt alszijn voorganger. Het eerste nummer bevat een schoon artikel over het congres van Verviers, met de portretten van de hh. Van der Biest en Parotte. De hoofdopstellers van het blad zijn de heeren Siegfried Lederer en D-ro Schramm ; het wordt uitgegeven in Heckners Verlag te Wolfenbüttel.

« Universo » is zeer lezenswaard,de abonnementsprijs is 6 mark =3 Sm.

— Nieuwe groepen werden gesticht te Frankfurt a./M., Hirschfelde, Kassel, Köthen,Lübeck,Oliva,Osnabrück en Podejink.

**Dresden.** — De Dresdener maatschappij « Esperanto » heeft het adresboek harer leden uitgegeven, hetwelk de namen vermeldt van meer dan 500 deelnemers.

— De firma Hüttig, eene der belangrijkste van het Vasteland voor de fabricatie van photographische apparaten, heeft (in Esperanto) een prachtig geïllustreerde uitgave,op 10.000 exemplaren getrokken, van haren catalogus laten verschijnen. Kostelooze afdruksels zijn op aanvraag te verkrijgen. Adres : Hüttig, A. G., Dresden-Striesen, Schandauerstrasse, 76.

**Chemnitz.** — In deze stad worden leergangen van Esperanto gegeven aan 47 stadsbeambten, waarvoor het gemeentebestuur het honorarium uitkeert. Insgelijks doet het policiebestuur voor den kursus der policieagenten, die meer dan 80 deelnemers telt.

**ZWITSERLAND.** — In de eerste dagen der maand Augusti greep in deze stad een internationaal congres van philologie plaats, waarbij Esperanto, nevens het Fransch, Duitsch, Engelsch en Italiaansch, als officieele taal erkend was. De heer René de Saussure droeg in het Esperanto een verslag voor over de technische woordenlijst, opgemaakt voor de « Internacia Scienca Revuo ». Hierop volgde eene woordenwisseling waaraan drie congresleden deel nemen. Onze taal maakte op de congressisten den besten indruk. Bij het feestmaal, dat op het congres volgde, stelde een der leden (een Rus) eenen heildronk in,die aldus eindigde:

« Heil aan Geneve, de wieg van het Roode-Kruis dit glorievolle wereldlijke werk van toewijding. Het Roode-Kruis is een Esperanto *sui generis,* tot het Heelal sprekende en begrepen door den grootsten geleerde zooals door den nederigsten onwetende. Leve glorievol en zegepralend het esperantische Roode-Kruis !

— Esperanto heeft ook ingang genomen bij het internationaal congres van Zielleer, dat in de zelfde stad werd gehouden (3-7 Aug.) en door meer dan 600 leden bijgewoond werd.

**ALLEMAGNE.** — La revue illustrée « La Bela Mondo, » à cessé de paraître et a été remplacée par « Universo » qui se présente sous la même forme élégante que sa devancière. Le premier numéro contient un bel article sur le congres de Verviers avec les portraits de M M. Van der Biest et Parotte. Les rédacteurs du journal sont MM.le professeur Siegried Lederer et D-ro Schramm : il est publié par Heckners Verlag à Wolfenbüttel

« Universo » est tres intéressant ; le prix d'abonnement est 6 Marcs 3 Sm.

De nouveaux groupes ont été fondés à Francfort s/M., Hirschfelde, Kassel, Köthen, Lübeck, Oliva, Osnabrück et Podejink.

**Dresde.** — La société dresdoise « Esperanto » vient de publier le livre d'adresses de ses membres, lequel contient les noms de plus de 500 participants.

— La firme Hüttig, une des plus importantes du Continent pour la fabrication d'appareils photographiques, a publié, tirée a 10.000 exemplaires, une édition illustrée de son catalogue en Esperanto.Des exemplaires gratuits sont envoyés sur demande. Adresse : Hüttig,A.G.,Dresden-Striesen, Schandauerstrasse, 76.

**Chemnitz.** — Il est donné dans cette ville des cours d'Esperanto à 47 employés communaux, pour lesquels la municipalité paye les honoraires, La direction de la police en fait autant pour le cours des agents de police qui compte au delà de 80 auditeurs.

**SUISSE.** — Au commence du mois d'août a eu lieu en Suisse un congrès international de philologie, où l'Esperanto, au même titre que le français, l'allemand, l'anglais et l'italien fut reconnu comme langue officielle. M. René de Saussure y fit rapport sur le vocabalaire technique, composé pour la « Internacia Scienca Revuo ». Il s'en suivit une discussion à laquelle trois espérantistes prirent part. Notre langue a fait la meilleure impression sur les congressistes. Au banquet qui a suivi le congrès, un des membres (Russe) proposa un toast où il dit en terminant :

« Salut à Genève en sa qualité de berceau de la Croix-Rouge, de cette glorieuse œuvre laïque de dévouement. La Croix-Rouge est un Esperanto *sui generis* parlant à l'Univers et compris par le plus grand lettré comme par l'ignorant le plus humble. Vive la Croix-Rouge glorieusement et victorieusement espérantiste ».

— L'Esperanto a fait également son entrée au congrès international de Psychologie qui a eu lieu dans la même ville (3-7 août) et auquel plus de 600 membres ont assisté.

**ENGELAND.** Over den Esperanto dag in White-City hebben meer dan dertig engelsche nieuwsbladen gehandeld. De grootste Engelsche gazetten geven regelmatig berichten over de esperantische beweging.

InLonden is het esperantische leven zeer druk. Een groot getal leergangen worden ijverig bezocht in London Country Concil, Charing Cross, Emanuel, Mildmay, Sutton en Woolwich, Het groot handelshuis Selfridge and C° heeft onlangs een belangrijke verzameling van « esperantistajoj » aan hare schouwvensters tentoongesteld, een uiterst degelijk reklaam, al ware het maar voor de 2000 bedienden van deze firma.

In Dublijn heeft het k.k. College van Heelkunde het Esperanto als onderwerp naar keuze aangenomen voor het ingangsexamen : het komiteit van Hooger Onderwijs te Levenshulme (Manchester) heeft Esperanto op het leerprogramma gebracht voor het aanstaande wintergetijde.

Onze vriendelijke briefwisselaarster uit Londen, Mej. Ad. S., meldt ons den voortdurenden bijval van den kluchtzanger heer Harrison Hill, die onlangs een zeer degelijke propaganda heeft gemaakt te Holyhead (Land van Wales).

**OOSTENRIJK. Bohemen.**—Daar B. E. gedurende de maand September niet verschenen is, heeft het tijdschrift de medsdeelingen niet kunnen opnemen a.g. het 1° congres der «Bohemia Unio Esperantista» gehouden te Praag den 26-28 laatstleden.

Over dit congres zelf zijn ons nog geene berichten toegekomen. Dit zal stellig goed geslaagd zijn, gezien de gunstige omstandigheden waarvan de pers melding maakt en een ijverige, doeltreffende propaganda.

De «Bohemia Unio» telt thans meer dan 40 aangeslotene maatschappijen. In Praag werd het Esperanto officieel bij de stedelijke handelsschool ingevoerd. Er werd ook een kursus ingericht voor koffiehuisbedienden.

**HONGARIJE.** — Bij het congres van geneeskunde, onlangs te Budapest gehouden, waren vele esperantische geneesheeren tegenwoordig. Vijf hunner droegen hunne verslagen in het Esperanto voor en werden door vele aanwezigen begrepen. Aldus heeft het Esperanto eens te meer zijn overgroot nut bewezen en zijne degelijkheid bij internationale congressen.

Om bijzondere politieke redenen hadden zich de Rumeensche geneesheeren onthouden aan het congres deel te nemen. Zij gaven een manifest uit om hunne onthouding te verklaren, dat in het Esperanto werd vertaald en de namen draagt van verscheidene voorname geneesheeren uit Rumenië.

**ANGLETERRE.**— Plus de trente journaux anglais ont parlé du « jour espérantiste » à White City. Les plus importants journaux publíent régulièrement des articles sur le mouvement espérantiste.

A Londres la vie espérantiste est très intense. Un grand nombre de cours sont assidûment fréquentés à London Country Concil, Charing Cross, Emanuel, Mildmay, Sutton et Woolwich. La grande maison de commerce Selfridge and C° vient d'exposer à ses vitrines une importante collection d' « esperantistajoj », une réclame très efficace, ne fût-ce que pour les 2000 employés de cette firme.

A Dublin leCollège Royal de Chirurgie a accepté l'Esperanto comme thème facultatif pour l'examen d'entrée ; le comité d'Enseignement Superieur à Levenshulme (Manchester) a porté l'Esperanto au programme des études pour la saison d'hiver prochaine.

Notre aimable correspondante de Londres, Mlle Ad. S , nous apprend le succès croissant du chanteur comique, M. Harrison Hill, qui vient de faire dernièrement une propagande très réussie à Holyhead (Pays de Galles).

**AUTRICHE. Bohème.** — Comme B. E. n'a pas paru pendant le mois de septembre, la revue n'a pas pu insérer les communications qu'elle avait reçues sur le 1r Congrès de la «Bohemia Unio Esperantista », tenu à Prague le 26-28 dernier.

Nous n'avons pas encore reçu des informations sur ce congrès, qui aura sans doute très bien réussi, étant données les circonstances favorables dont la presse fait mention et une propagande active et efficace.

La « Bohemia Unio » compte à présent plus de 40 sociétés affiliées. A Prague l'Esperanto a été introduit officiellement à l'école de commerce municipale. On a également organisé un cours pour garçons de café.

**HONGRIE** — Un grand nombre de médecins espérantistes ont assisté au congrès de médecine, qui a eu lieu dernièrement à Prague. Cinq d'entre eux ont présenté leurs rapports en Esperanto, et ont été compris par un grand nombre d'assistants. Aussi l'Esperanto vient de démontrer une fois de plus son importante utilité et son efficacité pour les congrès internationaux.

Pour des raisons politiques spéciales les médecins roumains se sont abstenus de prendre part au congrès. Ils ont publié un manifeste pour expliquer leur abstention ; celui-ci a été traduit en esperanto; il porte les noms de divers médecins distingués de Roumanie.

**BULGARIË.** — Onze briefwisselaar, de heer Krestanof, meldt ons dat het III^e^ Bulgarisch esperantisch congres, op 29-31 Juli te Rutschuk a/D gehouden, schitterend gelukt is.

Het werd voorgezeten door den heer luitenant Silvestriev en door meer dan 150 deeleemers bijgewoond. Na zeer belangrijke besprekingen, waaraan o. a. deelnamen de heer Silvestriev, voorzitter, de heeren Haralambev, Krestanof, Papov en Evstifejeff, werden de volgende beslissingen genomen :

1° Men zal aan het beheer der Posterijen en Telegrafen verzoeken telegrammen in Esperanto aan te nemen ; 2° aan den heer minister van Openbaar Onderwijs dat men in de scholen kostelooze leergangen van Esperanto inrichte en 3° aan het Bulgaarsch Blindengesticht, dat aldaar Esperanto onderwezen worde.

De congresleden bezochten Bukarest, waar zij door H. M. de Koningin Elisabeth (Carmen Sylva) ontvangen werden en Sofia, waar zij den 10n Augusti aankwamen. Zij richtten aldaar een propagandafeest in dat een groot publiek had uitgelokt en waar als redenaars optraden de hh. Aktarĝiev, Kanef, Evstifejeff en Krestanof.

Kortom, het was een ware veldtocht, die een echte triomf mag heeten.

**RUMENIË.** — De heer Giuglea, secretaris der Rumeensche esperantische maatschappij, zendt ons een merkwaardige mededeeling over het esperantisch congres, dat den 1-3 Augusti in Bukarest gehouden werd.

253 esperantisten namen er deel aan, waaronder 111 Bulgaren en 11 Serviërs ; het was dus eer een internationaal dan een landelijk congres.

Bij de openingszitting werden de groetenissen gehoord der Rumeensche, Bulgaarsche en Servische afgevaardigden. De heer Evstifejeff sprak de aanwezigen in het Rumeensch aan (want vele niet-esperantisten bevonden zich in de zaal) en een Bulgaarsch geestelijke bad het « Patro nia ».

De eerste dag werd aan allerlei feestelijkheden gewijd ; de eigenlijke congreszitting had 's anderendaags plaats. Men besprak er het onderwijs van het Esperanto aan Blinden, het opstellen van een woordenboek Esperanto-Esperanta, de stichting van een esperantischen bond tusschen de Donaulanden en van een esperantischen handelsbond. Er werd beslist dat het a. s. congres te Belgrade zal plaats hebbon.

Dat het congres van Bukarest door de verschillige overheden gunstig werd opgenomen, blijkt uit het volgende : De heer Minister van Binnenlandsche zaken heeft aan de esperantisten, op vertoon hunner con-

**BULGARIE.** — Notre correspondant, M. Krestanof, nous écrit que le 3^e^ congrès espérantiste bulgare, tenu le 29-31 juillet à Routschouk s/D. a brillamment réussi.

Il fut présidé par M. le lieutenant Silvestriev et suivi par plus de 150 participants. Après des discutions très importantes, auxquelles ont pris part entre autres M. Silvestriev, président et MM. Haralambev, Krestanof, Popov et Evstifejeff, on a pris les décisions suivantes :

1. On demandera à l'administration des télégraphes que celle-ci accepte des télégrammes en Espéranto : 2° On s'adressera au ministre de l'Instruction publique, pour qu'on organise des cours gratuits d'Espéranto dans les écoles, et 3° à l'Institut des aveugles bulgare pour qu'on y enseigne l'Esperanto.

Les congressistes ont visité Bucarest ou ils ont été reçus par S. M. la Reine Elisabeth (Carmen Sylva) et Sophia, où ils arrivèrent le 10 aout. Ils y ont organisé une fête de propagande, qui a réuni beaucoup de monde et où ont parlé MM. Aktarĝiev, Kanef, Evstifejeff et Krestanof.

Bref, ce fut une vraie campagne, qu'on peut qualifier de triomphale.

**ROUMANIE.** — M. Giuglea, secrétaire de la société espérantiste roumaine, nous envoie une communication très importante sur le premier congrès espérantiste, tenu à Bucarest le 1-3 août.

253 espérantistes y ont pris part, dont 111 Bulgares et 11 Serbes ; ce fut donc plutôt un congrès international que régional.

A la séance d'ouverture les délégués roumains, bulgares et serbes ont salué le congrès. M. Evstifejeff s'est adressé aux assistants en langue roumaine, (car dans la salle se trouvaient beaucoup de non-espérantistes) et un prêtre bulgare a récité le « Patro nia ».

La premier jour a été consacré à diverses festivités ; le congrès proprement dit n'a eu lieu que le lendemain. On a discuté l'enseignement de l'Esperanto aux aveugles, la publication d'un dictionnaire Esperanto-Esperanta, la fondation d'une ligue interdanubienne et celle d'une ligue commerciale espérantiste.

Il a été décidé que le congrès prochain aura lieu a Belgrade.

Que le congrès de Bucarest a reçu le meilleur accueil des autorités démontre ce qui suit : M le Ministre de l'Intérieur a exempté les espérantistes, sur la présentation de leur carte de congrès, des formalités douanières ; —

greskaart, vrijen doortocht aan de grens verleend ; — de heer Minister van Oorlog heeft de militaire school ter beschikking van het komiteit gesteld om er al de congresisten te logeeren ; — het beheer van Spoorwegen heeft 50°/₀ rabat verleend op hunne reiskaarten. Al de muzea, verzamelingen, fabrieken, enz. zijn voor de congresleden kosteloos toegankelijk geweest.

Deze hadden de eer ontvangen te worden door H. M. de Koningin, Elisabeth. Aan deze koninklijke ontvangst zullen wij een bijzonder artikel wijden in ons volgende nummer.

---

Merkwaardig is het feit, dat verscheidene steden gidsboeken in Esperanto uitgeven. Onder deze melden wij Lausanne, Tiflis, Edimburg en Gibraltar.

M. le Ministre de la Guerre a mis à la disposition du comité l'école militaire pour y loger tous les congressistes ; — l'Administration des Chemins de Fer a accordé 50 °/₀ de réduction sur les coupons. Tous les musées, toutes les collections et fabriques ont été ouverts gracieusement aux congressistes.

Ceux-ci eurent l'honneur d'être reçus par S. M. la Reine Elisabeth (Carmen Sylva) Nous consacrerons à cette réception royale un article spécial dans notre prochain numéro.

---

Il est un fait remarquable de constater que diverses villes publient des livres guides en Esperanto. Parmi celles-ci nous citons Lausanne, Tiflis, Edimbourg et Gibraltar.

Oscar VAN SCHOOR.

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen).

---

**I. Chicago. American Esperantist Company.**

Robert F. Morris. M. D. *Mia nuna sintenado pri apendicito,* esperantigita de H. B. Besemer. (18×12), 16 paĝoj. Prezo ne montrita.

**II. Presejo A. J. Witteryck,** 4, Nouvelle promenade, Bruges. — A. J. Witterygk. — *L'Esperanto en cinq leçons,* (20×10) 45 pages. Prix 60 centimes.

Dans ce livret est exposé d'une manière succinte, mais claire, un cours complet d'Esperanto, acompagné d'exercices et suivi de conversations usuelles. En supposant que chacun des cinq chapitres corresponde à une leçon par semaine ou plutôt par quinzaine, et que les auditeurs en étudient soigneusement le texte, ceux ci peuvent arriver en peu de temps à une connaissance, si non approfondie, au moins très satisfaisante de l'Esperanto.

Le petit manuel sera en outre d'une grande utilité pour les personnes ayant déjà appris l'Esperanto ; celles ci y trouveront, pour les consulter au besoin, méthodiquement classées toutes les règles se rapportant à la langue de Zamenhof : prononciation, formation des mots (préfixes et affixes) et grammaire.

Les exercices de conversation sont très bien choisis.

M. le Baron A. Ruzette van Caloen de Basseghem, Gouverneur de la Flandre Occidentale et président d'honneur de la «Bruĝa Grupo Esperantista», a bien voulu accepter la dédicace de «l'Esperanto en cinq leçons».

L'ouvrage a été imprimé avec tout le soin qu'on connait à la maison Witteryck ; il est élégamment relié en percaline verte et je le recommande volontiers et en toute conviction.

III. **Librairie Hachette** et Cie, 79, Boulevard St-Germain, Paris.

A.) *Tutmonda Jarlibro esperantista por 1909*, (20×13), 256 paĝoj. Prezo fr. 2.50 = Sm. 1.

Tiu ĉi libro enhavas la adresaron de la novaj esperantistoj, Serio XXIX, — la esperantistan societaron de le tuta mondo, la liston de la esperantistaj ĵurnaloj kaj tiun de la plej gravaj novaj esperantistaj libroj. — specialan adresan fakon por korespondado — kaj ampleksan nomaron de esperantistaj komercistoj, laŭprofesie ordigitaj.

Se mi juĝas laŭ tiuj de Belglando, mi ne povas dubi pri la ĝusteco de la multnombraj sciigoj enhavataj en la jarlibro, kies utileco ne bezonas pruvon. Ĉiu esperantisto, a menaŭ ĉiu grupo kiu sin vere interesas en la esperantista movado devas ĝin nepre posedi.

B.) F. Pujula y Vallès. *Frenezo*. Du unuaktaj verkitaj drametoj *Aŭtuna vento, Novelo* (21×15), 36 paĝoj. Prezo fr. 1 = Sm. 0,4.

C.) Nadina Kolovrat. *Misteroj de Amo*, du originale verkitaj dramoj, *Morto kaj Vivo, Portreto*. (21×15), 54 paĝol. Prezo f. 1.20=Sm. 0.5.

Ambaŭ libroj, kiuj apartenas al la kolekto de « la Revuo » distingiĝas per interesa subjekto, bela stilo kaj profunda konado de la scena arto.

Ili pruvas evidente ke Esperanto havas propron, memstaran literaturon, ke nia kara lingvo estas perfekta esprimilo de la belo, la noblo.

Jam multe da kleraj, talentaj esperantistoj klopodis senhalte por riĉigi, beligi, vivigi Esperanton. Por la tuta esperantistaro estas devo kuraĝigi ilin, aĉetante, legante kaj rekomendante iliajn verkojn !

IV. **Presa esperantista societo**, 33, rue Lacépède, Paris.

A.) D-ro J. Crozat (Givors). *Dum Kongreso*, originala unuakta komedio, (19×13), 26 paĝoj.

La scenejo de la priparolata komedio prezentas la akceptejon de la Kembridĝa kongreso, kies memoro ĉiam restos agreabla al ĉiuj, kiuj partoprenis en ĝi. La aktoroj estas diverslandaj gesamideanoj, inter ili simpatia juna Litovo kiu enamiĝis kun aminda juna Svisino. La teatraĵo ne nur finas per la fianciĝo de la feliĉa paro, sed ankaŭ per varma deklaracio pri fideleco al nia kara lingvo, kiun, je tiu tempo, kelkaj reformemuloj ekkomencis subfosi.

La verko de S-ro Crozat estas tre leginda kaj rekomendinda por ĝin prezenti ĉe esperantistaj festoj. Bedaŭrinde ĝi postulas multnombran personaron kaj figurantaron.

B.) Georges Kolowrat. *Pri la derivo en Ido kaj en Esperanto* (19 × 13), 12 paĝoj. Prezo : 25 centimoj = 1 sd.

Tre lerta pledade por montri ke la « returnebleco » ne ekzistas en Ido, kiu malgraŭ la malsimplaj reguloj ne kontentigas la loĝikon, sed ke en Esperanto, kontraŭe, vere returnebla sistemo estas facile konstruebla.

La verketo estas inda je sia antaŭulo : *Faut il réformer l'Esperanto ?*

C.) J. Parizot kaj Th. Cart. *Esperanta Versfarado kaj Rimaro* (19 × 13) 42 paĝoj. Prezo 60 c. = 0.24 Sm.

Tiu ĉi libreto donas principojn pri esperanta versfarado kun necesaj klarigaj ekzemploj, kaj rimararon enhavantan la esperantistajn radikojn ordigitajn plej utile por rimserĉantoj, t. e. laŭ vokaloj kaj sekvantaj konsonantoj. Ekz. A. AB, AMB, ARB, AŬB, AC, ANC, ARC, AŬC... OL, OBL, OFL, ONGL, OJL, OKL, OPL. k. t. p.

La verko de S-roj Parizot kaj Cart ne estas nur utila, sed necesega al ĉiuj, kiuj volas supreniri la esperantan Parnas'on.

D.) Edmée Nodot. *La Puntistino,* el la franca lingvo tradukis Cécile Roger.(16 × 12),15 paĝoj.Prezo fr.0.25 = 1 Sd.

Tre leginda kaj bonstila historieto ; ĝia aŭtorino kaj tradukintino estas ambaŭ tre komplimentindaj.

V. **Librairie de l'Esperanto,** 15, rue Montmartre, Paris.

A.) B. Hentsch. — *Perfekta kuiristino,* unuakta komedio, el la franca lingvo tradukita de E. Ramo. (18×12), 22 paĝoj. Prezo : fr. 0.50 = Sm. 0,2.

Tre amuza teatraĵo, postulanta nur 6 aktorojn kaj tre simplan enscenaĵon.

Ĝi estas tre facile prezentebla kaj certe akiros grandan sukceson ĉe esperantistaj festoj.

B.) A. Carles. — *Kurludo de Toroj.* (20×13), 50 paĝoj. Prezo : fr. 0.75 = Sm. 0,3.

Estas la unua fojo ke mi renkontas la vorton « Toro » por *stier, taureau,* kies oficiala enkonduko en Esperanton mi plene aprobus, ĉar ĝi efike samrilatas al la ĉie konata hispana vorto *Toro.* Sammaniere la aŭtoro esperantigas *kvadrelo, redondelo, morelo, lidio,* kc., vortoj, kiujn li detale klarigas en « Teĥnika leksikono toromakia ». La hispana esprimo *Corrida de toros* li tradukas *Kurludoj de Toroj.*

Kurludoj ! Ludoj estas do la abomenaj turmentegoj kaj la perfida mortigo de fiera, neofenda toro, — de plendindaj, maljunaj ĉevaloj, enrajdantaj sen malfido la arenon, renkonten al kruela, neevitebla morto !

Mi ĉeestis tiajn « ludojn » en Barcelono, kaj mia koro ankoraŭ tremas pro indigno kaj honto, pensante pri ili...

Sed tiuj pripensoj estas nur persona sentemeco, kaj mia tasko neniel estas esprimi mian opinion pri bataloj aŭ plibone pri mortigoj de toroj, — sed recensi la libron de S-ro Carles.

La aŭtoro anoncas en malgranda antaŭparolo ke de kelka tempo okazas kurludoj de toroj en la suda parto de Franclando, nome en Nimes, Arles, Bayonne, Béziers kaj aliaj urboj, kaj ke tiuj prezentadoj estas donataj kun granda lukso kaj soleneco.

De tiam estas kompreneble ke multaj personoj, pli kaj pli sin interesas pri tiu malbenata (jen denove mia indigno kiu esplodas!) sporto. S ro Carles kontentigas ilian scivolon, pritraktante detale ĉion kiu rilatas al tio.

Lia verko efektive kaptas la intereson; ĝi estas tre bonstila kaj... mi legis ĝin atente ĝis la fino.

S-ro Carles pruvas ke li estas bona verkisto kaj lerta esperantisto. Mi esperas ke li bonvole komprenos kaj ne malŝatos mian sincerecon en la nuna cirkonstanco, kaj mi ĝoje konstatus ke li baldaŭ montru sian talenton por subjekto, pli simpatia ol la «Kurludoj».

AMATUS.

Pro manko de spaco la recenzo pri diversaj aliaj verkoj estas prokrastata ĝis la proksima numero.

---

# LASTHORE

**Ni ĝoje eksciis ke Lia Reĝa Mosto ALFONSO DE HISPANUJO ordenigis D-ron Zamenhof kiel Komandoron de Izabel la Catolica.**

**Nia Kara Majstro bonvolu akcepti la tutkorajn, plej sincerajn gratulojn de « Belga Esperantisto ».**

# AGADA KOMITATO:

Prezidanto: S-ro Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).

Vice-Prezidantoj: S-ro A.-J. Witteryck kaj S-ro Abato Richardson.

Generala Sekretario: S-ro L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.

Kasisto: S-ro Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

---

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno:

S-roj L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D-ro R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj:

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S-roj Ad. Finet, Van der Biest-Andelhof.

» (*La Verda Stelo*), S-roj J. B. Istace, Fr. Schoofs.

» (*La Suda Lumo*), S-ro Fl. De Keyser.

BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S-roj Ad. Goossens, Ant. Havermans.

BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S-roj Jules Albert, D-ro Dupont.

BOOM (*Booma Grupo Esperantista*), S-ro Jules Clerbaut.

BORGERHOUT (*Laboro*) F-ino Maria Posenaer.

BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F-ino B. Ledène, S-ro A. J. Witteryck.

BRUSELO (3) (*Pioniro*), F-ino A. Guilliaume, S-ro Oct. Chalon.

» (*La Zamenhof*), S-ro Louis Grégoire.

HUY (*Esperantista Grupo*), S-ro H. Thiry.

KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*), S-ro L. Delvaux

MARIABURG (*Verda Flago*), S-ro Fr. Willemsen.

MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S-ro P.J. Schmetz.

MORESNET NEŬTRA (*Amikejo*), S-ro Hubert Nyssen.

NAMUR (*Namura Stelo*), S-ro A. Verbeken.

NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . . .

S[ta] TRUDO (5) (*Excelsior*), S-ro Fr. Leenen.

» (*Stelo Matena*), S-ro Pol Stappers.

VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S-ro Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.